# Etnismo

ISSNO93

N-ro 90 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2012





*Tibor* kaj *Maria Sekelj* ĉe *Wajuru-oj* en *Guapore*, Brazilo en 1950.

## EN TIU ĈI NUMERO:



Vikimedio, 09.10.2004, *Florian K.*

**Eŭropa Centra Banko, Frankfurto.**

# ELDONISTA BILETO

## EŬROPO SUR LA TRANĈA EĜO

Ekde la mezo de la 19-a jarcento, Eŭropo funkcias surbaze de naciŝtatoj kaj tiu funkciado vaste transdoniĝis al aliaj partoj de la mondo. Ĉu ĝuste el Eŭropo venos la mala tendenco, tio estas diseriĝo de tiuj centralizitaj, ofte unulingvaj strukturoj? Multaj skotoj, eŭskoj, katalunoj, flandroj nuntempe prikonsideras eliron el la respektivaj ŝtatoj, dominataj de aliaj etnoj, aliaj interesoj. La respondo de la ŝtatnaciistoj estas sufiĉe simpla se ne karikatura: la "separatistoj" havas neniun senton pri solidareco, ili enfermiĝas en la propra identeco kaj rasisme emas forigi ĉion kaj ĉiun alian. Kompreneble la elituloj, kiuj tion asertas, jam delonge subtenas "globaligitan", "ultraliberalan" ekonomion kaj sendas la gefilojn al usonaj universitatoj. Oni jam vidas la rezultojn: Eŭropa Unio kaose funkcias, solidareco same malbone funkcias interlande kiel ene de la unuopaj ŝtatoj; ĉiu nacia kulturo malrapide kolapsas, nur respegulante tion, kio okazas transe de maroj: inventemo apenaŭ plu povas –rajtas?- ekzisti sur nia "maljuniĝanta" kontinento. Ĉu pro submetiĝemo kaj ankaŭ pro intence troa teknokrateco Eŭropa Unio kulture kaj ekonomie mortigas Eŭropon? Povas esti. Se ĉu pro tio oni devas reveni al naciŝtatoj kun plena suvereneco, kun propra monunuo interalie pli facile "devolutebla"? Ankaŭ tio ne aspektas tiom entuziasmiga: tial ne nur estiĝos konfliktoj (kaj la nuna situacio emigas aludi pri la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento) sed oni povas prognozi, ke ĉiu unuopa ŝtato estos formanĝita de eksteraj potencoj, ĉu ŝtataj ĉu privataj. Kaj neniel tiu reakiro de suvereneco protektos ŝtatojn, kiuj finfine neniam sukcesis egalnivele trakti siajn civitanojn kaj regionojn, kontraŭ diserigaj tendencoj.

Kion fari do? Malfacilas respondi. Sed entute unu afero ŝajnas klara: Eŭropo pluvivos nur surbaze de sia bunteco, laŭ kiu pluraj solvoj estos konsiderendaj kaj el kiu sino venos novaj ideoj, novaj proponoj, novaj sintenoj. Entute kultura kaj politika ŝoko necesas, kaj ĝi verŝajne ne venos de la nunaj elitoj, nur okupataj je konservo de la propra situacio, ĉiam pli foraj de la popoloj. Kaj en tiu atendata, esperata "revolucio", ankaŭ ni etnistoj ludos ne malgravan rolon.

*Alain Favre*

Kevin de Laet

# KELKAJ DETALOJ PRI BELGIO

Tiu ĉi artikolo venas el prelego farita de *Kevin de Laet* en la Kataluna Esperanto-Kongreso de aŭtuno 2011.
Ĝiaj intereso kaj aktualeco donis al ni la emon disponigi ĝin, kun la permeso de la aŭtoro, ankaŭ al la legantoj de ***Etnismo***. La artikolo tre longas kaj detale eniras la historion de Belgio. Ni estas konvinkitaj pri la pluso de tiu kompleteco kaj pri la fakto, ke ĝi perdus valoron se ĝi estus mallongigita aŭ resumita. Tial ni aperigas ĝin kiel tuton, tamen en pluraj partoj. La sekvajn partojn vi trovos en postaj numeroj.




La ŝtato de Belgio situas en la centro de Eŭropo. Eble ne geografie sed almenaŭ politike, ĉar ĝi estas fondinta membroŝtato de Eŭropa Unio, kaj kelkaj gravaj instancoj havas sian sidejon en Bruselo, la belga ĉefurbo.

La najbaraj ŝtatoj estas Germanio, Nederlando, Francio, Luksemburgo kaj transmare Britio.
Belgio surfacas 30 528 km², iom malpli ol la Aŭtonoma Regiono de Katalunio. Belgio havas ĉirkaŭ 11 milionojn da loĝantoj.

La lando estas oficiale trilingva. Pli-malpli 60% estas nederlandlingvaj, 40% estas franclingvaj kaj oriente estas ankaŭ komunumo de 74 000 germanparolantoj. Krome estas diversaj regionaj historiaj lingvoj unuavice la limburga, valona, platdiĉa, luksemburga, sed ili ne havas oficialan statuson. Rimarku ke ne ekzistas iu "belga" lingvo.

Belgio konsistas el tri oficialaj regionoj: Flandrio (norde, nederlandlingva), Valonio (sude, franclingva) kaj Bruselo (meze, dulingva).

Pro sia multlingveco oficiala, Belgio foje estas konsiderata kiel "eta Eŭropo" kaj do ekzemplo por la Eŭropa Unuo, kie la popoloj laŭdire kunvivas pace. Ĉu Belgio ja estas tiel ekzempla lando? Ne vere. Ŝajnas eĉ pli kaj pli certe ke Belgio estos la unua membroŝtato de EU kiu malaperos...

### LA NUNTEMPA POLITIKA KRIZO

Vi certe jam aŭdis pri la politika krizo kiu okazas en Belgio nuntempe. Jam dum pli ol unu jaro oni provas starigi novan registaron, sed ĝis nun (29-a de oktobro [1]) sensukcese. Ni estas fieraj posedantoj de la mondrekordo pri plej longedaŭraj intertraktadoj por starigi registaron (antaŭe Irako estis la mond-rekordulo). Tiu ĉi krizo estas nur la lasta ĉapitro de la krizotempo kiu jam daŭris pli ol kvar jarojn. La registaro kiu falis en 2010 mem stumblis de krizo al krizo dum la tri antaŭaj jaroj.

Nu, fakte, endas noti ke Belgio havas entute ses registarojn, kaj nur la federala registaro suferas kri-



**Situo de la distrikto *BHV*.**

zon. La aliaj relative bone funkcias.

La nuntempa ĉapitro de la krizo ekis en la printempo 2010, kiam la registaro de ĉefministro *Yves Leterme* (flandro) falis, ĉar la Liberala Partio




**La venkantoj de la baloto en 2010.**

forlasis la regantan koalicion. Rekta kaŭzo estis la jam 40-jara diskuto pri *BHV* [2]. Tiu *BHV*-diskuto estas komplika afero, kiun mi klarigos poste.

Nu, tio estis nur la lasta ĉapitro de la krizo. Krizojaroj estis ankaŭ la tri jaroj antaŭaj. La registaro de *Yves Leterme* (kiu falis en 2010) mem naskiĝis en 2007 post granda balota venko de kartelo inter la partioj *N-VA* [3] kaj *CD&V* [4], grandparte dank' al promeso de granda ŝtatreformo favore al pli aŭtonoma Flandrio (oni parolis pri "kunfederaciismo"). La intertraktado ankaŭ tiam estis tre malfacila, sed finfine stariĝis la registaro de *Leterme*Unu, kun koalicio de kristan-demokrataj kaj liberalaj partioj (*N-VA* rezignis el tiu kartelo kun *CD&V*).

La registaro de *Yves Leterme* mem estis tre malstabila, plurfoje falis, kaj tute ne kapablis fari iun ajn ŝtatreformon promesitan. La diskuto pri *BHV* [1] estis tre grava, kaj granda krizo okazis kiam la flandraj partioj voĉdonis en parlamento kontraŭ la franclingvaj por la divido de la distrikto, fine de 2007.

Kiam la registaro de *Leterme* unuafoje falis en la komenco de 2008, venis sinjoro *Herman Van Rompuy* (de *CD&V*, kiel *Leterme*), kiu alprenis la taskon gvidi la landon. Sed en 2009 li foriris al Eŭropa Unio (kie li iĝis la unua eŭrop-unia prezidanto) sen iu ajn sukceso. Tiam *Leterme* revenis por starigi la registaron *Leterme*Du. Ankaŭ tiu registaro stumblis de krizo al krizo (i.a. la bankokrizo) kaj, el la diskutoj pri ŝtatreformoj kaj pri la problemo de *BHV*, finfine rezultis la krizo de printempo 2010.

Post la rezigno de la registaro, baloto okazis en junio 2010, kaj la grandaj venkintoj estis la flandra partio *N-VA* [3] kaj la valona partio *PS*. La unua estas franclingva social-demokrata partio, kiu similas al *PSOE*, *Partido Socialista Obrero Español* (Laborista Socialista Hispana Partio) en Hispanio.

Tiam komenciĝis la tre malfacilaj intertraktadoj por nova registaro. Komence la konflikto estis ĉefe inter la partioj *N-VA* kaj *PS*, sed nun *N-VA* ne plu partoprenas. Daŭre diskutas tradiciaj politikaj familioj: social-demokrata, kristan-demokrata kaj liberala.

Nu, ĉu la belga politika krizo estas lingvo-konflikto? Parte jes, parte ne. Temas pri krizo inter la tri nuntempaj regionoj de Belgio, kiuj politike kaj ekonomie malsamas. Sed tiuj regionoj mem naskiĝis kiel politikaj estaĵoj dank' al lingvokonflikto.

Belgio certe ne estas la sola ŝtato kun lingvokonflikto. Hispanoj kaj katalunoj certe spertas lingvokonfliktojn, do por ili tio ne estas nova afero. Sed neniu ŝtato tiel forte suferis pro lingvokonflikto kiel Belgio. Kial?

En ĉiu alia ekzemplo de lingvokonflikto la demografia bilanco estas tiu de granda majoritato kontraŭ relative eta(j) minoritato(j). Temas ja pri lokaj lingvokonfliktoj, sed lokaj nur en tiu senco ke la registaro ĉe ŝtata nivelo ne vere suferas pro ili. En Madrido, Parizo, Londono, ... oni kutime fajfas pri



***Herman Van Rompuy.***

la lingvokonfliktoj “marĝenaj” de Katalunio, Kimrio, Bretonio, ... kaj povas ignori ilin dank’ al demografia kaj politika “hegemonio”. En Belgio ne: la du ĉefaj lingvokomunumoj estas preskaŭ samgrandaj. Du egalfortaj potencoj politikaj. Kaj Bruselo ne povas fajfi pri la lingvokonflikto, ĉar ĝi mem estas la centra “milita areo”.

Por ke nebelgoj povu kompreni la kialon kaj kielon de la belgaj problemoj, mi devas klarigi la historian evoluon de la “nederlandoj”, kiu komenciĝis antaŭ dumil jaroj.

## LA (LINGVA) HISTORIO DE LA “MALALTAJ LANDOJ”

La lando Belgio apartenas al eŭropa regiono nomata “malalta landaro”, kun la nuntempaj landoj Nederlando, Luksemburgo kaj kelkaj partoj de norda Francio kaj okcidenta Germanio.
La pranederlanda vorto por “malalta” aŭ “sube” estis “neder”, do tial “Nederland”. “Malalta” oni povus interpreti geografie, ĉar la plejparto de tiu regiono situas tre malalte (Nederlando eble tute malaperos se la marnivelo altiĝos nur je kvin metroj).




**Malalta landaro.**

Tiu “Malalta” historie tamen ne rilatis al geografio sed al kultura rilato kun la Alta Germanio. Iam la nederlandlingvanoj ankoraŭ nomis sian lingvon *diets* (diĉa), kiel en la Germana *deutsch*. La Angloj daŭre nomas la nederlandan lingvon *dutch*. Tiu vorto venas de praĝermana vorto kiu sonis iomete kiel *deŭds*. Tiu simple signifis “popola”, do “la popola lingvo”. En la mezepoko oni konstatis ke la germana kaj okcidentaj “diĉaj” dialektoj jam iĝis malsamaj lingvoj, do oni komencis konsideri la “nederdiĉajn” dialektojn kiel “la malaltan lingvon”, kompare al la granda germana “diĉa” kulturlingvo.

Nu, ankaŭ vivas latinidparolantoj en la regiono, jam de dumil jaroj. Ili uzis latinidan nomon por la landaro: *Belgica*, kiu evoluis al *Belgique*. Rimarkinda afero: iam *Belgica* kaj *Nederland* estis sinonimaj, nur alilingvaj nomoj por sama landaro.




***Belgica.***

### De la kelta/praĝermana epoko al la romia

En 58 a. k. venis Julio Cezaro, la romia imperiestro, kiu konkeris la gaŭlajn landojn, kie oni parolis keltajn lingvojn, kaj la landon *Gallia Belgica*, kie oni parolis ambaŭ, keltajn kaj ĝermanajn lingvojn (do ĝi jam estis dulingva). Tiu *Belgica* fakte tute ne estis lando, nur inventaĵo de Cezaro mem kiu iom hazarde kreis administrajn regionojn. La regiono estis tero de multaj triboj, kaj ĝermanaj kaj keltaj, kiuj ne sentis iun komunan identecon belgan.
Tute ne estas klara kiuj triboj estis ĝermanparolantaj kaj kiuj keltparolantaj. Parto de Flandrio estis eĉ frisa. La reĝo *Ambiorix* de la tribo de eburonoj (apud




**Lingvolimo inter la latinida Eŭropo kaj la ĝermanida Eŭropo.**

la kronikisto Tacito, la tribo mem estis ĝermana. Ĉu eble estis jam lingva klasdiferenco? Ĉiukaze, *Belgica* estis vere multlingva, ĉar loĝis tie ĝermanoj, keltoj kaj ekde 58 a. k. ankaŭ romianoj.

Tiam naskiĝis la granda lingvolimo inter la latinida Eŭropo kaj la ĝermanida Eŭropo. Ĝis nun tiu limo ne multe moviĝis, kaj, kiel videblas, tiu limo dividis kaj dividas Belgion en du partojn.

En la sudo de tiu *Belgica* kaj en la gaŭla regiono (nord-Francio), popollatinaj dialektoj iĝis la “ojl-lingvoj”, kies lokaj variaĵoj estis la valona, pikarda, normanda, ĉampanja... kaj la franca. Dum la unuaj jarcentoj sub romia regado, la keltĝermana dulingveco de *Belgica* evoluis al latinĝermana dulingveco: la gaŭla lingvo facile latiniĝis, ĉar ambaŭ jam tre forte rilatis. Por la keltoj, ekuzi tiun novan latinan lingvon ne estis granda paŝo.

En *Belgica*, la ĝermana tribo de la frankoj ekde la 3-a jarcento elstaris kiel dominanta tribo, kaj ĝi iĝis la politika, ekonomia kaj milita potenco de okcidenta Eŭropo tuj post la disfalo de la romia Imperio. Tiam la franka dialekto prenis la rolon de popola lingvo en grandaj partoj de la Nederlandoj. La reĝo Klodvigo (*Clovis*) el la dinastio de la Merovidoj estas eble la plej fama el la frankaj reĝoj. Ironia historia afero estas ke Klodvigo elektis Parizon kiel sian ĉefurbon, sed li mem ne parolis la tiaman prafrancan de Parizo. Denaske li parolis la frankan (do ĝermanan) lingvon. Jes, la unua dinastio reĝa de Francio parolis en frua Malaltĝermana! Eĉ pli, la frankoj fakte donis la nomon al Francio. Lingvokonflikto socia: la nobela klaso parolis franke, la popolaj klasoj en Francio parolis popollatine.

## SANKTA ROMIA IMPERIO

### Karolo la Granda

Kelkajn jarcentojn post Klodvigo, la granda imperiestro Karolo la Granda kreis la unuan post-romian superpotencon en Eŭropo, kiel montras jena mapo. La lingva situacio restis sama.

Notu ke ankaŭ tiu imperiestro estis denaske franklingva, kaj ankaŭ li lernis la latinan. Tamen li ne kapablis skribi aŭ legi.

En 843, la granda imperio estis dividita inter tri fratoj. Grava jaro por Eŭropo, ĉar tiam naskiĝis du grandaj potencoj antagonismaj. Antagonismo milita daŭronta pli ol mil jarojn... Ĝis 1945 fakte! (La meza lando Lotaringio supervivis nur dum kelkaj jardekoj.) Evidentas ke Belgio, situanta inter la du, neeviteble iĝis scenejo de multaj konfliktoj.

Por la Nederlandoj, la divido de la jaro 843 signifis dividon inter la graflando Flandrio, kiu ekapartenis al Francio, kaj la resto, kiu ekapartenis al la granda Sankta Romia Imperio (do fakte Germanio). Belgio estis dividita ne nord-sude sed orient-okcidente. La brabanta duklando, kun la ĉefaj urboj Antverpeno kaj Bruselo, politike ne plu rilatis al Flandrio, tamen la lingvoj/dialektoj multe similis.

En tiu tempo la sociaj roloj de la lingvoj




inversiĝis. En Francio (kaj do ankaŭ en Flandrio) la feŭda nobelaro estis francparola (la latinida franca, do ne plu la franka). La lingvolimo inter la franca kaj la flandra jam de kelkaj jarcentoj pli-nordiĝis.
Historia ironio: la nuntempa Valonio apartenis al la Sankta Imperio, ne al Francio. Tie oni parolis ne france sed en aliaj lokaj dialektoj el la ojl-lingvaro: la valona kaj la pikarda.




Lingvokonfliktoj verŝajne ne okazis. La popolo estis kamparana kaj apenaŭ vojaĝis. Ili ankaŭ ne scipovis skribi aŭ legi. Registara administrado apenaŭ ekzistis. Lernejoj estis alireblaj nur por la aristokrata klaso, kiu uzis la latinan. Krome, same Brabanto kiel Flandrio estis relative aŭtonomaj.



**Batalo de Oraj Spronoj.**

ekapartenis al Francio, kaj la resto, kiu ekapartenis al la granda Sankta Romia Imperio (do fakte Germanio). Belgio estis dividita ne nord-sude sed orient-okcidente. La brabanta duklando, kun la ĉefaj urboj Antverpeno kaj Bruselo, politike ne plu rilatis al Flandrio, tamen la lingvoj/dialektoj multe similis.

En tiu tempo la sociaj roloj de la lingvoj inversiĝis. En Francio (kaj do ankaŭ en Flandrio) la feŭda nobelaro estis francparola (la latinida franca, do ne plu la franka). La lingvolimo inter la franca kaj la flandra jam de kelkaj jarcentoj pli-nordiĝis.

Historia ironio: la nuntempa Valonio apartenis al la Sankta Imperio, ne al Francio. Tie oni parolis ne france sed en aliaj lokaj dialektoj el la ojl-lingvaro: la valona kaj la pikarda.

Lingvokonfliktoj verŝajne ne okazis. La popolo estis kamparana kaj apenaŭ vojaĝis. Ili ankaŭ ne scipovis skribi aŭ legi. Registara administrado apenaŭ ekzistis. Lernejoj estis alireblaj nur por la aristokrata klaso, kiu uzis la latinan. Krome, same Brabanto kiel Flandrio estis relative aŭtonomaj.

## Konflikto inter Flandrio kaj Francio

Kvankam teorie parto de Francio, la graflando Flandrio estis relative sendependa. Ĝi estis forta ekonomia potenco kun Bruĝo (*Brugge*) kiel ĉefurbo. La riĉeco de Flandrio estis mondfama kaj evidente kreis konfliktojn inter Flandrio kaj ĝia noma reĝo, Filipo la Kvara de Francio, kiu plurfoje provis akiri pli grandan parton de tiu riĉeco.

En 1302 okazis ribela batalo de flandroj kontraŭ la franca reĝa armeo, kaj la flandraj ribelantoj venkis. Tiu batalo okazis en la mateno de la 11-a de julio apud la flandra urbo *Kortrijk* kaj ricevis la nomon *Guldensporenslag*, la Batalo de la Oraj Spronoj. Konfliktoj plurfoje okazis, sed tiu batalo ricevis grandan simbolan valoron kvin jarcentojn poste, kiam la flandra verkisto *Hendrik Conscience* verkis romantikan libron, "La Leono de Flandrio", kiu inspiris la flandran lingvomovadon. La batalo tamen mem ne vere ludis gravan rolon, kelkajn jarojn poste Flandrio jam denove estis okupata. Verdire eĉ ne tempis pri milito nur inter Flandrio kaj Francio, ĉar ankaŭ valonaj graflandoj kiel Namuro batalis kontraŭ la franca reĝo. Historie tiu ribelo havis nek lingvan nek nacieman kialon, sed ekonomian.

Mi ne rakontos la tutan okazaĵon ĉi tie. *Hendrik Conscience* (pri kiu mi parolos poste) reskribis la historion por akcenti la lingvan aspekton, kvankam multe pli gravis la ekonomiaj deziroj de la gildoj de Bruĝo. Tamen tiu historio poste fariĝis nacia kaj lingva simbolo de Flandrio (kaj la dato de 11-a de julio, la flandra nacia festotago). Pri tio mi rakontos poste.

## Burgunda/Habsburga epoko

Historie pli grava ol la batalo de 1302 estis la eko de la Burgunda (Habsburga) tempo. En 1384, la Burgunda duko akiris la francreĝajn graflandojn de Flandrio kaj Artezo (tiu lasta estis ĉefe pikardlingva). Poste la dinastio akiris aliajn "nederlandojn" (el la Germana Imperio): Namuron, Henegovion, Brabanton, (la tiaman) Limburgon, Zelandon, Holandon, Frislandon, Luksembur-gion...

Tiel formiĝis la Burgundaj Nederlandoj kiel propra *Kreitz* (registara distrikto) en la Sankta Imperio. Nura escepto estis la Lieĝa Princepiskopejo, kiu posedis ĉefe partojn de nuntempaj Lieĝo, Limburgo kaj Namuro. Tiu landaro restis parto de la Nordrejn-vestfalia *Kreitz* ĝis la Franca Revolucia tempo. Tamen la ekonomia kaj kultura influo de la Nederlandoj estis granda.



**Habsburgaj Nederlandoj. Maldekstre, supre: la emblemo de la Malaltaj Landoj.**

### Karolo la Kvina
### Divido de la Imperio

Plej konata el la nederlandaj reĝantoj certe estas la imperiestro Karolo la Kvina, kiu naskiĝis la 24-an de februaro 1500 en Gento, do estis flandro. Li ne nur reĝis super la Nederlandoj, sed ankaŭ iĝis la imperiestro de la tuta Sankta Romia Imperio kaj krome akiris la tronojn de Kastilio kaj Aragono. Do li iomete similis al Karolo la Granda, sepcent jarojn antaŭe. Unu granda diferenco: Karolo la Kvina neniam sukcesis preni la francan reĝlandon, kiu restis sendependa.




Mapo el Vikimedio, Kembriĝa Atlaso pri Moderna historio, eldonita far *Sir Adolphus William Ward*, 1912.

Dank' al li la Nederlandaro trovis unuecan identecon. Antaŭe, la "Nederlandoj" estis dividitaj inter orienta parto (sub la Sankta Imperio) kaj Okcidenta parto (sub Francio). Oni ne pripensis nord-sudan dividon, certe ne pro lingvaj kialoj, kiam la habsburga dinastio venis kaj unuigis la landaron.

### Reformacio

Lingvopolitike, kiel antaŭe, la popolo ne scipovis skribi kaj legi, kaj la registaraj aferoj estis relative simplaj (por kolekti la impostojn la administrantoj evidente uzis la lokan lingvon, aliaj aferoj politikaj neniam rilatis al la "simpla" homo). La latina restis la *lingua franca* (pontlingvo) en la "altaj" akademiaj medioj. Sed sub la reĝepoko de Karolo la Kvina komenciĝis kelkaj evoluoj montriĝontaj ege gravaj por la lingvopolitiko en Eŭropo. Lutero tradukis la Biblion en la germanan lingvon, kio tiam forte ŝokis la mondon de politiko kaj scienco. La naciaj lingvoj ricevis pli grandan intereson, ne nur sciencan sed ankaŭ socian, kulturan kaj politikan. La plej grava evoluo estis religia: naskiĝis la protestanta reformismo. Granda kontraŭmovado ne nur religia sed ankaŭ politika.

### Kontraŭhispanaj ribeloj

La posteulo de Karolo, Filipo la Dua de Hispanio, estis tre maltolerema al la novaj ideoj reformismaj. La zelota agado de Filipo tiel ŝokis la mezajn klasojn ke ili organizis sin en politika movado ribelema. La protestanta tumulto komenciĝis en Germanio sed plej furiozis en la Nederlandoj, kie ĝi estas konata kiel tempesto. Ĝi fakte komenciĝis en suda Flandrio (nuntempe Francio) en 1566. En tiu jaro ankaŭ kunvenis aristokratoj malriĉigitaj, kiuj perdis siajn posedaĵojn pro ekonomiaj aŭ politikaj kialoj (multaj inter ili ankaŭ estis protestantoj). Tiu grupo de novaj povruloj ricevis la Francan finomon *Gueux* (kiu signifas Mizeruloj), kio estis neder-landigita al *Geuzen* (Esperante: Geŭzoj). Dum la nederlanda insurekcio, la termino *Geux* havis la pli ĝeneralan signifon de kontraŭhispanulo.

Unu el la gvidantoj de tiu movado estis Vilhelmo la Unua de *Orange*, kiu tiam estis la estro de provincoj Holando, Zelando kaj Utreĥto. En 1567 venis *Fernando Álvarez* de Toledo, la duko de *Alva* (*Alba*), kun hispana armeo, por ordigi la situacion en la "Nederlandoj ".

Dum postaj jaroj la ribela armeo multfoje batalis kontraŭ la hispana armeo. En la sudo la hispana armeo jam okupaciis la francparolantajn (aŭ "romiajn") provincojn. Tiuj provincoj ne ŝatis la ideon de grandskala milito, do decidis ne kunribeli kaj en januaro 1579 ili formis la Union de *Arras* (urbo en Artezo), kiu proklamis sin fidela al Hispanio. Tuj poste, la aliaj (ĉefe nederlandlingvaj) provincoj kreis la union de *Utreĥt*. Kaj por la plej unua fojo okazis konflikto inter la franclingvaj provincoj kaj la nederlandlingvaj, sed fakte nur hazarde: la lingvoj mem ne kaŭzis la konflikton, la divido okazis pro la ĉeesto de hispana armeo en la sudo.

### Akto de Abjuracio

La 26-an de julio 1581, kiam la Geŭzoj jam dum kelkaj jaroj ribelis, la registaro de la provincoj de tiu Utreĥta Unio finfine kunvenis kaj subskribis gravan dokumenton, nomitan *Plackaet van Verlaetinghe*, la Akto de Forneo. La reĝo Filipo la Dua ne plu estis konsiderata kiel "legitima estro" de la Unio. Praktike

tio do estis la deklaracio de sendependeco de la Nederlandoj. Jena akto du jarcentojn poste iĝis granda inspiro por la fama *Declaration of Independence* (Deklaro de Sendependeco) de la Unuiĝintaj Ŝtatoj en Ameriko.

Kvankam demokratio kiel politika ideo ekzistis jam dum du jarmiloj, la Akto de Forneo estas ofte konsiderata kiel unua esprimo de moderna respublikisma demokratio: naskiĝis vere nacia kaj moderna koncepto de respubliko. Kiel persona noto, mi (kiel Antverpenano) pensas ke ĉi tiu afero estis multe pli grava por Flandrio/Belgio/Nederlando ol la batalo de la 11-a julio de 1302. Ĉar en 1302 Antverpeno (tiam urbo de Brabanto) ne havis iun ajn rilaton kun la tiama milito, sed des pli ludis gravegan rolon en la insurekcio de la 1570-aj jaroj.

## Okdekjara Milito

La Okdekjara Milito povas estis konsiderata kiel la unua eŭropa mondmilito, ĉar la plejparto de la landoj eŭropaj kaj iliaj kolonioj partoprenis. Ĉi tie mi ne rakontos la tutan historion, nur la nederlandan parton. Dum kelkaj jaroj Hispanio kaj la Respubliko batalis inter si. La milito ne estis bona afero por Nederlando, kiu finfine estis tro malfortigita kaj devis retiri sin pli kaj pli norden. En 1585 la urbo Antverpeno estis finfine kaptita de la hispana armeo, kaj tiu evento ekigis novan dividon. La respublika armeo povis konservi nur la nordajn provincojn, la sudaj denove estis okupaciitaj de hispanoj. La ŝtata limo kiu tiam formiĝis tre similas al la hodiaŭa limo inter Belgio kaj Nederlando. Do tiel naskiĝis fakte "Belgio".

## Fondiĝo de Nederlando

Do la sendependiĝo sukcesis nur por la nordaj provincoj. Tamen la fondiĝo de la hodiaŭa Nederlando tre gravis ankaŭ por la sudo: por la unua fojo la nederlanda estis oficiala ŝtatlingvo kaj pro tio akiris pozicion inter la "grandaj" lingvoj de Eŭropo (granda en la politika senco).

Nu, kontraŭe al popularaj ideoj nuntempaj, tiu "Hispana okupacio" de la sudo ne estis tiel terura. La sudnederlanda kulturo ne malaperis, tiu estis ekzemple la epoko de *Rubens*. Sed la sudaj provincoj perdis multajn homojn, kiuj fuĝis norden, kaj tie estigis la oran periodon de Nederlando. Verŝajne malpli konata Sudnederlanda/Belga kreaĵo estas kolonieto nomita "Nova Amsterdamo", kiu post la Ora Jarcento ricevis la anglan nomon *New York*. Tiu ĉi kolonio estis fondita ne de holandanoj, kiel oni kutime pensas, sed de suduloj, flandroj kaj valonoj.
Ĉiukaze, du novaj identecoj naskiĝis, la suda "belga" kaj la norda "nederlanda (aŭ holanda)". La sudo restis sub feŭda regado de la habsburga dinastio. Dum la 17-a kaj 18-a jarcentoj la teritorio belga estis multfoje la scenejo de militaj konfliktoj, ĉefe ĉar Francio interesiĝis pri teritoria grandiĝo norden.

En 1701 mortis la hispana reĝo (el habsburga dinastio), kaj la milito de la Hispana Sukcedo komenciĝis, la franca reĝo Ludoviko la 14-a provis akiri la hispanan tronon, kaj tio instigis denove eŭropan militon. El la tumulto rezultis nova aranĝo por la sudaj nederlandaj provincoj, ekde 1713 la belga landaro iris el hispanaj manoj al aŭstriaj manoj, kie alia branĉo de la habsburga dinastio regis.



VERHANDELING
OP D'ONACHT
DER MOEDERLYKE TAEL
IN DE
NEDERLANDEN.

WY vinden ons in de Nederlanden, bezonderlyk hier in d'Ooſtenrykſche, in konſten en wetenſchappen verre onder onze naebueren. Het en is niet noodig dit te bewyzen: want eeniegelyk by ons houd-zig, helaes, hier-van zoo vaſt overtuygt, dat hy niet het minſt zal twyffelen, oft het is aen eenen Nederlander onmogelyk van in eenige konſten de franſche t'overtreffen. Die overtuygtheyd gaet zelfs zoo verre, dat ons niets ſchoon nog groot en dunkt, of 't moet van Vrankryk zyn. En inder daed wat zyn wy in de konſten ten aenzien van de Franſche? wat hebben

A

Vikimedio.

**Unua paĝo de la "Traktaĵo de pri la malestimo de la patrina lingvo" de *Jan-Baptist Verlooy.***

Dum la jarcentoj sub hispana kaj aŭstria regado, la influo de la franca lingvo estis granda. La lingvolimo daŭre plinordiĝis, kaj la urbo Bruselo malrapide sed certe ekfranciĝis. La lingvoproblemo do ekde nun havis politikajn konsekvencojn. En 1788 aperis la manifesto *Verhandeling op d'onacht der moederlyke tael* (Traktaĵo pri la malestimo de la patrina lingvo) verkita de la flandra juristo *Jan-Baptist Verlooy*. Iusence tiel naskiĝis la flandra lingvomovado. Kaj dum posta franca okupado, la lingvokonflikto draste graviĝis.

## Franca Revolucio

Sendube, la franca revolucio difinis la modernan Eŭropon, kaj tio certe validas por Belgio. Tio kio okazis en Parizo en 1789 multe inspiris diversajn revoluciajn sentojn en sudaj kaj nordaj Nederlandoj.

La Aŭstriaj (Belgaj) Nederlandoj, situante inter Francio kaj Nederlando, estis ofte la scenejo de militaj kampanjoj inter Francio kaj Nederlando (aŭ

Prusio), kiuj batalis inter si por influa povo (aŭ eĉ militaj kampanjoj inter Francio kaj Nederlando (aŭ Prusio), kiuj batalis inter si por influa povo (aŭ eĉ teritorio). El tio rezultis diversaj Eŭropaj konfliktoj dum la 17-a kaj 18-a jarcentoj, ĉar evidente Aŭstrio (kiu estis oficiala posedanto de la nuna Belgio) ne ŝatis tiujn kverelojn, kaj Anglio riskis la grandan maran potencon de Nederlando kaj Francio.

### Jozefo la Dua, aŭstria imperiestro

En la lastaj jaroj de la "Aŭstriaj Nederlandoj", la imperiestro estis Jozefo la Dua. Dum sia regoperiodo li provis modernigi la regadon de sia imperio. Por la sudaj Nederlandoj tio signifis ke la relativa aŭtonomio de la provincoj estu limigita, la potenco centralizita, kaj la privilegioj de la loka nobelaro ankaŭ limigitaj. La konservativa flanko de tiu nobelaro ne ŝatis tiujn reformojn, evidente. La ĝenerala popolo ankaŭ ne. Ne ĉar ili subtenis la nobelaron, sed ĉar la reformoj de Jozefo signifis pliajn impostojn, kaj ili ankaŭ ne favoris la centralizon de la potenco. Sed la malon celis la burĝa klaso, kiu volis multe pli modernigi kaj centralizi la ŝtatstrukturojn ol Jozefo mem, kaj ankaŭ respublikismaj ideoj furoris.



*Hendrik Van der Noot.*

Post du jaroj da politikaj kvereloj, la imperiestro decidis simple nuligi ĉiujn privilegiojn kiujn la provincoj posedis jam dum jarcentoj. Du kontraŭaj sentoj kuniĝis pro tio: la konservativaj popolo kaj nobelaro unuflanke, kaj la burĝa klaso aliflanke, kiu estis tre inspirita de la respublikismaj ideoj el Francio. Brabantano kaj konservativulo *Hendrik Van der Noot* kunigis etan armeon en Nederlando kaj provis invadi Brabanton. Li publikigis Manifeston de la Brabanta Popolo, kiu postulis la aŭtonomion de Brabanto (kaj poste iĝis inspiro por la belga revolucio de 1830). Ankaŭ la liberaluloj sub gvido de Sinjoroj *Vonck* kaj *Verlooy* (kiu skribis la traktaĵon pri la lingvo en 1788) formis revolucian armeon kaj subtenis *Van der Noot*. Urbo post urbo estis liberigita el aŭstriaj manoj. En januaro 1790 la nova registaro oficiale proklamis respublikon sub la estro *Van der Noot*. Ĉiuj provincoj partoprenis kun escepto de Luksemburgo, kiu restis en aŭstriaj manoj. **KdL**

(Fino de la unua parto.)




**Aŭstriaj Nederlandoj.**

Ekde 1787, la aŭtonomio de la provincoj estis oficiale limigita kaj la centra ŝtatpotenco ege fortigita. Interese el lingva vidpunkto estas ke Jozefo decidis starigi tribunalon nederlandlingvan en Bruselo kaj franc- kaj germanlingvan tribunalon en Luksemburgo. Li ankaŭ decidis enkonduki novajn impostojn. Tio ĉi ricevis grandan kritikon ĉefe de la provinco Brabanto.

Notoj:

[1] La lando, je la epoko de la prelego, restis sen registaro dum unu jaro, sed intertempe *Elio di Rupo* estis nomita ĉefministro en decembro 2011.

[2] *BHV* (*Bruselo-Halle-Vilvoorde*) entenas la Bruselan ĉefurbon (dulingvan) kaj la okcidentan parton de la provinco Flandra-Brabanto (flandrlingva kun la grandaj urboj *Halle* kaj *Vilvoorde*).

[3] *N-VA*: *Nieuw-Vlaamse Alliantie* (Nov-flandra alianco). Ĝi naskiĝis en 2001 post la malapero de alia partio, *Volksunie* (Popolunio). Ĝi estas la plej bone reprezentita en la Ĉambro de la Deligitoj per 18% de la voĉoj.

[4] *CD%V*: *Christen-Democratisch en Vlaams* (Flandraj Kristdemokratoj).

Hektor Alos i Font

# KATALUNIO, ĈU NOVA ŜTATO DE EŬROPO?



Vikimedio, 11.09.2012, *Kippelboy.*

**Manifestacio: "Katalunio - nova ŝtato de Eŭropo" [1].**

La 11-an de septembro, okaze de la nacia tago de Katalunio, miliono kaj duono da homoj pace manifestaciis en Barcelono sub la devizo "Katalunio - nova ŝtato de Eŭropo". Temas pri unu el la du-tri plej grandaj manifestacioj iam ajn okazintaj en Katalunio, eble eĉ la plej granda, kaj larĝe la plej ampleksa manifestacio por la sendependiĝo de Katalunio. Por nacio kun sep milionoj da loĝantoj, la kvanto de surstratiĝintoj estas enorma, kiel substrekis la internacia gazetaro, inkluzive de parto de la madrida.

Dum la lastaj du jaroj ĉiuj opinisondadoj montras, ke la plimulto de la kataluna socio favoras la sendependiĝon de Katalunio, kaj ke tiu ĉi eblo akiras pli kaj pli da subteno. Ekzemplo estas la plej lasta, farita inter la tagoj 21-a kaj 27-a de septembro de la konservativa barcelona ĵurnalo *La Vanguardia*, neniel ĝis nun suspekta pri sendependismaj ideoj. Laŭ ĝi 83,9% de la katalunia loĝantaro favoras la kunvokon de referendumo pri memdispono kaj 14,9% kontraŭas la referendumon. Pri tio, ĉu ili voĉdonos por la sendependiĝo 54,8% jesis, 33,5% neis kaj 10,2% ankoraŭ ne decidis.

Certe ĉiam en Katalunio ekzistis relative multaj sendependistoj, sed tiu elekto estis minoritata. Tion montras ekzemple la pozicio de la sendependismaj partioj en la kataluna parlamento, kvankam troviĝis ankaŭ sendependistoj inter la deputitoj de partioj principe ne favoraj al ĝi.

Notindas, ke ekzistas grava sociologia ŝanĝo inter la apogantoj de sendependismo. Ne plu temas preskaŭ ekskluzive pri katalundevenaj katalunlingvanoj. Tiel, en la barcelona manifestacio estis rimarkinda kvanto da homoj interparolantaj hispane, flirtigante flagojn kaj kriante (katalune) por la sendependeco. Evidente la sendependistaro rimarkinde ampleksigis sian socian bazon, aliokaze ĝi neniel povus atingi la plimultan karakteron montratan de la enketoj. Cetere, por substreki, ke sendependismo ne havas etnan karakteron, kelkaj gravuloj de la sendependista movado certigis, ke ankaŭ la hispana estos oficiala en la eventuala estonta kataluna ŝtato (tamen kelkaj intelektuloj kontraŭis, samtempe agnoskante, ke la hispana devos ĝui specialan statuson).

La unua forta kresko de la sendependisma movado okazis post la unua balota venko de la Popola Partio (PP) en la hispanaj elektoj de 1996. La sekva naciisma agado de la registaroj prezidataj de *José María Aznar*, ĉefe dum lia dua mandato (2000-2004), multobligis la voĉojn de la sendependisma partio Respublika Maldekstro de Katalunio, kiu en 2004 okobligis la nombron de siaj deputitoj en Madrido. La antaŭan jaron ĝi fariĝis unu el la partioj de la koalicia maldekstra registaro en Katalunio, atinginte la trian lokon laŭ la nombro de seĝoj en la balotoj al la kataluna parlamento.

La nova maldekstra registaro en Katalunio lanĉis la redaktadon de nova ĉefleĝo de Katalunio (“statuto de aŭtonomeco”). La procezo kulminis en Katalunio en septembro 2005, kiam 90% de la parlamento voĉdonis favore al tiu nova teksto [2].

Tamen la propono estis modifita en esencaj punktoj fare de la hispana parlamento. La jubilanta prezidanto de la komisiono de la Kortesoj okupiĝinta pri la diskutoj, kaj eksa vicprezidanto de la unua hispana socialisma registaro, *Alfonso Guerra*, tre bildece priskribis la taskon de la hispana parlamento: «Ni forfikis la statuton» (hispane: «*Nos hemos cepillado el Estatuto*»). La tria paŝo de la kompleksa konstitucia proceduro finiĝis per referenduma akcepto de la fortondita versio de la ĉefleĝo fare de la kataluna socio, malgraŭ evidenta forta malkontento de granda parto de la loĝantaro. Inter aliaj, de gravega krizo, se la konstitucia tribunalo kasacius tian leĝon, kies ŝanĝo postulas tre kompleksan konstitucian proceduron, inkluzivantan la interkonsenton de du parlamentoj kaj referendumon, sed la reprezentantoj de la ekstrema hispana naciismo preferis uzi la eblon por kapti voĉojn per sia agado. La Popola Partio krome bojkotadis dum pluraj jaroj la laŭleĝan renovigon de la konstitucia tribunalo, ĉar ĝi timis, ke ties tiama minoritateco en la hispana parlamento elektigus juĝistojn ne favorajn al ĝiaj starpunktoj. [4] Fine, post rekorda kvarjara atendo la konstitucia tribunalo akceptis en junio 2010 parton de la pledoj de PP, kaj pliamputis la statuton. Membro de la tribunalo en siaj rimarkoj al la verdikto substrekis, ke inter la artikoloj kiujn la tribunalo konsideris nekonstituciaj, troviĝis tiaj, kies vortumo estis tute identa kiel en aliaj aŭtonomio-statutoj




Vikimedio, 10.07.2010, fotis *JuanmaRamos-Avui-El Punt.*

**Manifestacio sub la moto “Ni estas nacio. Ni decidas” kontraŭ la decido de la konstitucia Tribunalo. Meze staras 6 prezidantoj kaj eksprezidantoj de la katalunaj registaro kaj parlamento. Surtolaĵa slogano: «Oni ŝtelas al ni 60 milionojn da eŭroj tage. Sendependo = Neceso.»**

Respublika Maldekstro de Katalunio pledis kontraŭ la akcepto de la amputita teksto.

Tamen mankis kvara neantaŭvidita akto en tiu procezo, nome la kasacia pledo kontraŭ la statuto fare de PP, kiu levis intensegan naciisman kampanjon kontraŭ la kataluna statuto (la fondinto kaj honora prezidanto de PP, *Manuel Fraga*, eĉ memorigis pri la konstitucia devo de la armeo konservi la unuecon de Hispanio). [3] Multaj analizistoj avertis pri la danĝero redaktitaj samtempe, kaj aprobitaj de PP, kiu tamen konsideris ilin nekonstituciaj nur en la kazo de Katalunio. Evidente por suspektatoj pri mallojaleco validas malsamaj leĝoj.

Entute tiu verdikto fariĝis esenca turnopunkto en la evoluo de la aferoj. Multaj katalunoj sentis, ke ne eblas atingi interkonsenton por relative komforta memregado interne de Hispanio. La 10-an de julio 2010 pli ol miliono da katalunoj manifestaciis en

Barcelono sub la devizo: «Ni estas nacio. Ni decidas».

### LA KAMPANJO DE REFERENDUMOJ POR LA SENDEPENDIĜO

Kiel dirite, jam la unua drasta fortondo de la statuto fare de la hispana parlamento vekis grandan malkontenton. Unu el la reagoj estis tiu de sendependisma municipa grupo en la urbeto *Arenys de Munt* (8 500 loĝantoj), kiu proponis la okazigon de simbola referendumo por la sendependiĝo de Katalunio el Hispanio. La propono estis akceptita de la urba konsilantaro kaj, post diversaj administraciaj malhelpoj fare de la hispana registaro, la urbanoj voĉdonis en septembro 2009 pri la demando «Ĉu vi konsentas, ke Katalunio fariĝu plenrajta ŝtato sendependa, demokratia kaj sociala ene de Eŭropa Unio?». Voĉdonis pli ol 41% de la rajtigitoj (pli ol samloke por la eŭropaj balotoj) kaj favoris la secesion 96,2% de la voĉdonintoj. [5]



Vikimedio, *Xavi Sabanyà*, 13.09.2009.
**Voĉdonantoj en *Arenys de Munt*.**


Vikimedio, *Xavi Sabanyà*, 13 09.2009.
**En *Arenys de Munt* voĉdona komisiono anoncas la rezultojn de la referendumo.**

La grandega sukceso spronis diversajn asociojn kaj urbajn konsilantarojn organizi lokajn referendumojn, kiuj okazis en diversaj ondoj inter decembro 2009 kaj junio 2010, ĉiam en paca, festa, demokratia etoso. Entute ĝi kovris pli ol 500 municipojn de Katalunio, t. e. la vastan plimulton. La unuaj konsultoj okazis ĉefe en malgrandaj vilaĝoj kaj urboj de Katalunio, kie estis kolektitaj amasaj venkoj, similaj al tiu de *Arenys de Munt*. Tamen, eĉ kiam ili atingis la grandajn urbojn kaj la ĉefe hispanlingvajn antaŭurbojn de Barcelono, la voĉoj favoraj al la sendependeco daŭre, preskaŭ ĉiam, proksimis aŭ superis 90%, dum la procentaĵo de voĉdonintoj sinkis al ĉ. 10%. Laste, la voĉdono en Barcelono en aprilo 2011 atingis 89,7% da poraj voĉoj, 8,8% da kontraŭaj, kaj partoprenon de 21,4%.

Tiuj voĉdonoj fariĝis vasta reklamado por la sendependisma movado kaj samtempe multe plifortigis ĝian organizan potencon.

### LA BATALO POR LA KATALUNA LINGVO

Tamen indas klarigi la katalunajn postulojn. Ilin oni povas dividi ĉefe en du grandajn blokojn.
Unuflanke, temas pri la protekto al la kataluna lingvo, kiu estas esenca en la kataluna politiko, kaj apenaŭ komprenata en la strikte unulingva Hispanio. La lingvo ĉiam estis esenca por la kataluna identeco, kaj ĝi ne ŝanĝis sian lokon, kvankam la kataluna socio forte ŝanĝiĝis en la lastaj 50 jaroj, kaj aparte dum la kuranta jarcento, i.a. lige kun amasa enmigrado. Nuntempe la kataluna identeco estas ĝenerale akceptata kiel unu plia identeco en la multdevena Katalunio, kiun ĉiu povas aldoni al siaj


Vikimedio.
**Katalunaj municipoj aliĝintaj al Asocio de Municipoj por la Sendependeco je la 29-a de aŭgusto 2012.**

aliaj identecoj. Kvankam eblas ne scipovi la katalunan kaj senti sin kaj esti konsiderata kataluno, por esti akceptata kiel kataluno sufiĉas paroli la lingvon, kaj ĝi estas la ĉefa trajto de aparteno al la komunumo. La kataluna identeco kaj la kataluna lingvo estas tre alte valorataj de la loĝantaro, inkluzive de rimarkinde granda parto de la novveninta enmigrada ondo, ĉar ĝi permesas la senton de aparteno al la loka socio, ne postulante la forlason de la heredaj lingvoj, kulturoj kaj nacioj. Entute, la kataluna lingvo estas ekstreme sentema punkto por la nuntempe multlingva kataluna socio.

Ĉi-rilate, la kataluna lingvopolitiko staras ĉefe sur tri kolonoj: la unueca eduksistemo, sen lingva segregacio de la lernejanoj, en kiu la kataluna estas la baza instrulingvo de ĉiuj publikaj elementaj lernejoj; la publika administrado, en kiu la kataluna estas la normala afera lingvo, kies scipovo estas postulata de ĉiuj ties laborantoj (same kiel tiu de la kunoficiala hispana lingvo); kaj la publikaj amaskomunikiloj, en kiuj la kataluna estas la kutime uzata lingvo. Tamen la konstitucia tribunalo en sia verdikto kontraŭ la




http://www.llibertat.cat.

**Protesta afiŝo en Balearoj.**

statuto konsideris kontraŭkonstitucia la takson, ke la kataluna estas la "prefera" lingvo (katalune: "*preferent*") de la publika administracio kaj la publikaj amaskomunikiloj, kvankam tio estas la praktiko efektiviĝanta jam de 30 jaroj.

Surbaze de tiu verdikto, la Supera Tribunalo de Hispanio komencis verdikti kontraŭ la instrusistemo, kiu funkcias en Katalunio jam de la komenco de la 80-aj jaroj, kaj kiu siatempe estis akceptita de la Konstitucia Tribunalo. En sinsekvo de kvin verdiktoj ĝis nun (ĉi-kampe la hispania justico montriĝas tre diligenta), la Supera Tribunalo konsideras neleĝe, ke la kataluna lingvo estas nepre uzata kiel ĉefa instrulingvo en la publika elementa lernejo, kaj taksas nesufiĉaj la sistemojn ekzistantajn por helpi la unuopajn lernantojn, kiuj sentas malfacilaĵojn pri tio. En momento, en kiu la justico travivas gravan senkreditiĝon ne nur en Katalunio, la ĝenerala sento en Katalunio estas, ke la tribunaloj fariĝas politikaj instancoj, kaj enmiksiĝas en tion, kion la larĝega plimulto de la katalunia loĝantaro en la daŭro de pluraj jardekoj konsideris la plej taŭga sistemo. Cetere, tiun sistemon subtenas loĝantaro, kiu nuntempe plimulte estas hispanlingva, sed aprezas, ke la sistemo ebligas al la novaj generacioj ne nur regi la katalunan je sufiĉe alta nivelo, sed ankaŭ la hispanan pli bone ol la mezumo de Hispanio (laŭ la rezultoj de multaj diversaj analizoj, i.a. de la eŭropa *PISA*).

Pruvo de tiu preskaŭa unuvoĉeco de la kataluna socio pri la lerneja lingvo estas, ke en la kuranta instrujaro 2012-2013 nur 12 familioj el 50 000 petis la enlernejigon de siaj tri-jaraj infanoj per la hispana lingvo (kion, cetere, la kataluna instrusistemo ja permesas). Tamen, same kiel en antaŭaj jaroj, samtempe en Valencilando 125 000 petintoj, ke iliaj infanoj lernu en la kataluna lingvo, ne ricevis tion, je kio ili leĝe rajtas. Pri tio okupiĝas nek la tribunaloj, nek PP, kiu, krom regi en Valencilando, laŭte aktivegas kontraŭ supozataj lezoj de la lingvaj rajtoj de la hispanlingvanoj en Katalunio.

Cetere, la hispanaj balotoj de novembro 2011 levis denove PP al la hispana registaro, kaj ĝi komencis centralizan politikon eĉ pli fortan ol en sia antaŭa regado. Interalie ĝi leĝfaris por tio, ke la hispana registaro difinu la lernejajn studprogramojn je multe pli alta grado ol ĝis nun. Laŭ la edukministro kaŭzo de secesiismo estas la grandparta memstareco de la aŭtonomaj komunumoj pri edukado, kvankam li evitis pravigi siajn asertojn per konkretaj faktoj. El la katalunisma tendaro liajn asertojn oni taksis "demagogiaj".

Montro de la radikaliĝo de PP estas la kernaj lingvopolitikaj ŝanĝoj okazintaj en Balearoj de post ĝia balota venko en la voĉdonoj al la baleara parlamento en 2011. Balearoj havis lingvopolitikon similan al la kataluna, kun unueca instrusistemo uzanta la katalunan en la elementa lernejo, funkcianta de antaŭ 15 jaroj, kaj loka administracio uzanta ĉefe la katalunan. Tiel estis malgraŭ sinsekvaj ŝanĝoj en la koloroj de la registaroj, ekzemple dum la regado de PP en Balearoj de 1983 ĝis 1999 kaj de 2003 al 2007. Tamen la nova baleara registaro en sia unua regojaro unuflanke lanĉis diversajn leĝojn, kiuj plene aliigis la modelon. Ekde la nuna lernojaro 2012-2013 staras du




Vikimedio, 28.06.2012. *Jove*.

**Murpentraĵo far la kataluna Sindikato de la Studentoj.**

paralelaj lernosistemoj, unu en la kataluna kaj alia en la hispana; la scipovo de la kataluna lingvo ne plu estas postulata por la plimulto de la postenoj en la publika administrado; kaj leĝo permesas la oficialigon de hispanlingvaj loknomoj aldone aŭ anstataŭe de la tradiciaj katalunlingvaj balearaj loknomoj. Per la nunaj ŝanĝoj malfacile la kataluna povos daŭre funkcii kiel interna administra lingvo kaj ne klaras, ĉu la civitanoj povos efektive plu uzi ĝin en ĉiuj okazoj antaŭ la publika administracio. Aliflanke la kreo de pure hispanlingva lernosistemo igos, ke parto de la loĝantaro malmulte regos la katalunan lingvon (kiel pruvas i.a. la hispanlingva instruado en Eŭskio) kaj probabligos laŭlingvan dividon de la loĝantaro. Ĉiel ajn, la ekstremajn ŝanĝojn en lingvopolitiko, kiu estis vaste interkonsentita de ĉiuj politikaj partioj en Balearoj dum la pasintaj tri jardekoj, montras radikaliĝon de PP, kiu timas perdon de la ankoraŭ nun evidenta hegemonio de la hispana ĉie interne de la hispaniaj ŝtatlimoj (inkluzive de Katalunio kaj Balearoj).

Sed la celo superstarigi la hispanan lingvon en ĉiuj aŭtonomaj komunumoj de Hispanio direktiĝas ne nur kontraŭ la kataluna. Ekzemple, la eŭska provinco Gipuzko anoncis komence de oktobro, ke ĝi ekpostulos, ke ĉiuj provizantoj partoprenantaj en la publikaj adjudikoj de la provinco certigu la eblon uzi la eŭskan lingvon. Al tiu decido respondis la reprezentanto de la hispana registaro en Eŭskio per la aserto: «Mi ne permesos diskriminacion pro lingvaj kialoj». El la vidpunkto de lingvaj hegemoniistoj, certigi, ke finfine la publikaj servoj funkciu en la du lingvoj, kiuj estas oficialaj de pli ol 30 jaroj kaj vaste uzataj en Gipuzko, montriĝas "diskriminacia". [6]

**LA MONBATALO**

De alia flanko, esencaj ŝanĝoj en la kataluna ĉefleĝo rilatis al la kolektado de impostoj kaj ilia distribuado.

En Hispanio ekzistas du impostaj sistemoj. Unuflanke, la hispania registaro kolektas la plimulton de la impostoj kaj redistribuas ilin. Tiu redistribuado grandparte dependas de la ŝtata buĝeto ĉiujare aprobata de la hispana parlamento kaj sekve forte laŭiĝas al la balot-interesoj de la politika partio reganta en Madrido. Aliflanke la Eŭska Aŭtonoma Komunumo kaj Nafaro ĝuas memstarajn impostajn sistemojn kaj transdonas monon al la centra hispania kaso por la pago de komunaj servoj. Montriĝis laŭlonge de la lastaj jardekoj, ke la mono transdonata de la eŭskoj al Hispanio estas tre malmulta kompare kun tiu ne ricevata de la hispania registaro en aliaj aŭtonomaj komunumoj kun simila laŭkapa malneta interna produkto. En la kazo de Katalunio, laŭ diversaj katalunaj ekonomikistoj internacie agnoskataj, ĉiujare la katalunaj impostpagantoj nete subvencias la hispanan ekonomion per pli ol 10% de sia malneta enlanda produkto, kio estas pluroble pli ol faras, ekzemple, la plej ekonomie sukcesaj germanaj ŝtatoj rilate la malplej prosperajn.

Ekzemplo de la misekvilibroj inter pagoj kaj servoj, kiu fariĝis brula por la katalunoj, estas la pagendaj aŭtoŝoseoj. En Katalunio 67% de la aŭtoŝoseoj estas pagendaj, dum en la cetero de la ŝtato nur 20% estas tiaj. Por komparo, en Katalunio ekzistas 617 km da paspagaj aŭtoŝoseoj (67%) kaj 303 senpagaj (33%), dum en la Madrida Aŭtonoma Komunumo, kun simila malneta interna produkto, estas 17 km da paspagaj (3,4%) kaj 483 senpagaj (96,6%). Tia situacio de longa tempo vekas egan malkontenton en Katalunio, tamen en momento, kiam la politika etoso flamiĝas, okazis eksplodo. Tiel, spontane en majo aŭtomobilisto rifuzis pagi kaj montriĝis, ke ne eblas procesi kontraŭ li. La diskonigo de lia ago en la retejo *YouTube* lanĉis amasan protest-agon, en kiu miloj da stirantoj rifuzadis pagi dum semajnoj en granda kampanjo de civitana malobeo. La agado, en la komenco tute spontana, rapide fariĝis protesto kontraŭ la "dispredado" de Katalunio kaj grandparte ligiĝis al la sendependisma movado. [7]

Neniu en Katalunio kontraŭis, ke la plej riĉaj komunumoj solidare kontribuu al la disvolviĝo de la malplej riĉaj. La diskutoj rilatis al tio, kiom tio eblas, kaj kiujn mekanismojn eblas starigi, por ke la redistribuo de la mono ne dependu sole de la



Vikimedio, 01.05.2012, *Arnaugir*.

**El interno de veturilo: *No vull pagar,* mi ne volas pagi.**

bontrovo de la laŭvica ŝtata registaro kaj de ties balot-interesoj. Krome travidebligo de la sistemo evidentigus la altan gradon de solidareco de la kontribuantoj, kiun en diversaj okazoj neis membroj de la registaroj de kelkaj el la plej malriĉaj hispanaj regionoj. Tiucele la kataluna ĉefleĝo proponis unuflanke sistemon similan al tiu ekzistanta en Germanio kaj aliflanke la repagon dum pluraj jaroj de monkompensoj pro la longa forta manko de ŝtataj investoj en Katalunio. La unua parto estis forbalaita de la hispana parlamento kaj ne eniris la finan referendumitan tekston. La dua (kiun kopiis aliaj aŭtonomaj komunumoj en siajn novbakitajn ĉefleĝojn) montriĝis ne sufiĉe precize redaktita post la amendoj de la hispana parlamento, tiel ke la hispana registaro povis interpreti la pagendajn kompensojn laŭ formo tre favora por si. Kaj kiam eksplodis la ekonomia krizego en Hispanio la hispanaj registaroj (unue de la socialisma partio kaj poste de la popola) decidis simple flankenlasi tiun leĝan devigon pretekste de pli gravaj problemoj.

Kaj ĝuste la ekonomia krizego fariĝis la fina elemento, kiu eksplodigis la konflikton. Kiel konate, Hispanio estas unu el la ŝtatoj de Eŭropa Unio, kiu plej suferas pro la internacia krizo, pligravigitan de la eksplodo de enlanda spekulacia veziko bazita sur nemoveblaĵoj, longe instigata de la diversportiaj hispanaj registaroj kaj de la Banko de Hispanio. Nuntempe Hispanio atingas rekordan kvanton de 25% da senlaboruloj, kaj la oktobraj prognozoj de la Internacia Monunua Fonduso taksas, ke senlaboreco plu kreskos en 2013 kaj ke Hispanio kaj Grekio fariĝos la landoj, kies ekonomioj plej multe falos en la mondo en 2013.

En situacio de gravega ekonomia krizo, malaltaj impostenspezoj kaj altaj interezoj, la manko de investoj en Katalunio fariĝis ekstreme grava. Fine de aŭgusto la kataluna registaro devis peti la helpon de la hispana por pagi siajn ŝuldojn, per kiu ĝi falis en similan situacion kiel Grekio rilate al Eŭropa Unio.

La diferenco es-tas, ke Katalunio kunigas 17% de la loĝantaro kaj 20% de la malneta en-landa produkto de Hispanio. Kaj el vidpunkto de multaj katalunoj tio estas plia evidentiĝo de la “dispredado” de Katalunio. Cetere montriĝis, ke la hispana registaro celas uzi la eblon por starigi politikajn postulojn, ekzemple rilate al la kataluna televido (kiu estas la plej spektata en Katalunio, ĝuas sufiĉe grandan respekton pro ĝia superaveraĝa kvalito kaj pro tio estas esenca elemento de la kataluna lingvopolitiko).

### LA ESTONTO

La grandega sendependisma manifestacio de la 11-a de septembro fariĝis turnopunkto. Neniu antaŭvidis tian sensacian sukceson por la sendependistoj, kies politika pezo ĝis nun estis relative malgranda. La reganta dekstra katalunisma partio Konverĝo kaj Unueco, reprezentanta la katalunan burĝaron ĝis nun maleman pri secesiaj aventuroj, decidis tuj poste provi fariĝi la ĉefa proparolanto de la surstratiĝintaj amasoj. Tio ja utilas al ili por eviti, ke la politika debato ĉefe okupiĝu pri la ekstreme liberalaj politikoj, kiujn ili aplikis en la pasintaj du jaroj sen pozitivaj rezultoj. Tiel fine de septembro la kataluna parlamento voĉdonis por la starigo de referendumo pri memdispono en Katalunio, kvankam la hispana leĝaro malpermesas tian referendumon. Tuj poste la

kataluna prezidanto *Artur Ma*s kunvokis novajn anticipajn elektojn, okazontajn en novembro, kies rezultoj estas malcertaj.

La reagoj en Hispanio al la manifestacio diversas. La reganta Popola Partio plene kontraŭas ĉian secesion, sed samtempe proponas neniun alternativon al la senelirejo, al kiu grandparte ĝi tutsola kondukis la situacion. Opinisondo farita de la ĉefa hispana ĵurnalo, *El País,* en la komenco de septembro, antaŭ la barcelona manifestacio, montras, ke la kvanto de hispanianoj favorantaj la likvidon de ĉia aŭtonomeco kaj la reveno al centralizita ŝtato kreskis al 29%, dum en 2003 nur 10% tiel opiniis. Klara plimulto de la homoj tiel opiniantaj voĉdonas por PP. Aliflanke la alia granda hispana partio, la socialisma, relanĉis sian proponon pri federisma ŝtato, kiun subtenas 19% de la enketitoj en la sama opinisondado. Ne klaras tamen, kiagrade estas fidinda ilia propono, pro tio, ke ĝi ne estas nova, kaj ke ĝis nun ili faris nenion por efektivigi ĝin; aliflanke ĝi postulus la subtenon ankaŭ de PP, kiu ŝajnas pli kontraŭa al ĝi ol iam ajn en la lastaj 20 jaroj. Siavice, la plej ekstrema hispana naciismo ripetadas la laŭliteran konstitucian rolon de la armeo garantii la unuecon de Hispanio. El la kataluna sendependisma movado, kiu zorge malgrandigas la eventualajn danĝerojn de secesio, venis ĉefe mokreagoj, ekzemple per la konsilo, ke prefere tankoj ne uzu la katalunajn aŭtoŝoseojn, ĉar tio povus ruinigi la buĝeton de la arme-ministerio. La sociaj retoj plenas de tiaj ŝercbildoj. Ĝisnuna pinto de la kontraŭkataluna ksenofobio, ne malofta en la potencaj hispanaj naciismaj amaskomunikiloj, sed pliakriĝinta okaze de la sendependisma eksplodo en Katalunio, estas artikolo aperinta la 6-an de oktobro en la madrida ĵurnalo *El Mundo*, kiu provas pravigi, ke katalunoj murdis Kriston. [8]

Rezulte de la malkapablo de la hispanaj partioj pozitive evoluigi la situacion la sendependisma movado en Katalunio forte kreskas, kiel ŝajne sola eblo eliri el la sakstrato. Malklaras, kiel eblos efektivigi kontraŭleĝan referendumon, se entute tio eblos, kaj kiagrade la grandaj katalunaj partioj efektive subtenos sendependiĝon aŭ nur taktike portempe uzas la eblon por siaj balotaj celoj. La sendependisma movado estis ĝis nun ĉefe eksterpartia civitana iniciato organizata de la bunta kaj potenca kataluna asocia movado. Eventuale en difinita momento ĝi povus denove memstare enpaŝi kaj mem lanĉi la organizon de la referendumo, sed en tiu okazo la rezultoj plej verŝajne perdus sian signifon el internacijura vidpunkto.

La estonto estas neprognozebla, ĉar la situacio evoluas fulmrapide kaj ankaŭ rapide ŝanĝiĝas la starpunktoj de la katalunianoj. Iom mirigas la tre paca kaj trankvila etoso en Katalunio, laŭa al ĝiaj demokratiaj tradicioj de interkonsenta solvo de konfliktoj. Praktike plene mankas en Katalunio akraj disputoj inter favorantoj kaj kontraŭantoj de eventuala sendependiĝo. Al neniu klaras, kiel eventuala sendependiĝo okazos, kaj estas evidente, ke el ekster Katalunio venos ĉiaj malhelpoj, sed ekzistas forte disvastiĝinta opinio en Katalunio, ke se evidenta plimulto de la katalunianoj demokratie esprimas klaran deziron fariĝi nova ŝtato de Eŭropo, la hispana registaro povos nenion alian fari krom sidiĝi kaj interkonsenti, kiel tion bonorde efektivigi.

***HAiF***

Notoj:

[1] La stelita flago, aŭ estelado, estas neoficiala flago ĝenerale uzata de la partianoj de la sendependeco de Katalunio. (el http://eo.wikipedia.org/wiki/Estelado).

[2] Vidu: *Hektor Alos i Font*, "Survoje al pli granda memregado" en ***Etnismo*** n-ro 77, 12.15.2005, p. 10.

[3] Vidu: *Hektor Alos i Font*, "Senbrida naciismo en la hispana dekstro" en ***Etnismo*** n-ro 77, 12.15.2005, p. 10-11.

[4] Vidu: *Hektor Alos i Font*, "Senelirejo en Hispanio" en ***Etnismo*** n-ro 84, 2009, p. 19 -23. Pri la politikigo de la justico en Hispanio eblas legi ankaŭ en: *Hektor Alos i Font*, "Maljusta justico", Monato, 2010, http://www.esperanto.be/fel/publika/010065p.php.

[5] Vidu: *Hektor Alos i Font*, "Senelirejo en Hispanio" en ***Etnismo*** n-ro 84, 2009, kaj *Ferriol Macip i Bonet*, "Ponto por dialogo", Monato 2009, http://www.esperanto.be/fel/2009/009922.php.

[6] En rilato al la politiko de diversaj hispanaj registaroj koncerne la eŭskan lingvon, indas legi ankaŭ pri la fermo de la eŭsklingvaj ĵurnaloj *Egin* (1988) kaj *Egunkaria* (2003): *Hektor Alos i Font*, "Maljusta justico" Monato 2010, http://www.esperanto.be/fel/2010/010065.php kaj *Hektor Alos i Font*, "Kiam arestoj " pruvas " terorismajn ligojn" Monato 2003, http://www.esperanto.be/fel/2003/008082.html.

[7] Vidu: *Jaume Clotet*, " Mi ne volas pagi...", Monato 2012, http://www.esperanto.be/fel/2012/010745.php.

[8] http://elmundo.orbyt.es/2012/10/06/tu_mundo/1349559230.html.

**Etnismo kaj Monato estas libere konsulteblaj sur: www.gazetejo.org.**

Teresa Nemere

## "Vojoj de la mondo al mi apartenas..."

# PRI LA VIVO KAJ VERKO DE TIBOR SEKELJ



Kiel remomorigas al ni la aŭtorino de tiu ĉi artikolo, *Tibor Sekelj* riĉigis la esperantistan kulturon per siaj multegaj vojaĝspertoj kaj instruis pri la popoloj, kiujn li renkontis, pri iliaj vivo, kulturo, lingvo, literaturo… Tial ni pensis, ke ***Etnismo*** ne povas ignori la centjaran jubileon de tiu amanto de nekonataj popoloj.

Per citaĵo de la plej konata poemo de *Tibor Sekelj* "Mi vizitas mian farmon" mi komencas rakonton pri li - unu el la plej famaj kaj meritplenaj esperantistoj.

Ĉi-jare, la 14-an de februaro, pasis 100 jaroj post lia naskiĝo. Laŭ la iniciato de Eŭropa Esperanto Unio kaj de la Komitato de UEA la esperantistaro festas la jaron 2012 kiel Jaron de *Tibor Sekelj*. Rigardante lian vivkuron kaj liajn spertojn oni povas rimarki, ke lia konvinko, ke «ĉiuj popoloj de ĉiuj kontinentoj kontribuis kaj kontribuas al la disvolviĝo de nia civilizacio» estis la ĉefa motoro de liaj agoj kaj streboj atesti tion kaj larĝe popularigi.

La vivo de *Tibor Sekelj* trapasis ne malmultajn lokojn. Naskiĝinte en la jaro 1912 en la slovaka urbeto *Spišská Sobota*, tiam apartenanta al Hungario kaj nun parto de la urbo *Poprad*, la infanaĝon li pasigis en la vilaĝo *Cenei* en Banato (nun en Rumanujo) kaj la gimnaziajn jarojn en la urbeto *Kikinda*. Mezlernejon li finis en 1929 en la montenegra urbeto *Nikšić*. En Zagrebo li studis juron, samtempe lernante pentro- kaj skulptoarton. Poste dum tri jaroj li laboris en Prago. De la jaro 1939 ĝis 1954 li vivis en Argentino, kie i.a. dum 2 jaroj li vizitadis universitaton de Bonaero por aŭskulti prelegojn pri antropologio, etnologio kaj arkeologio. Reveninte al Jugoslavio li vivis kaj laboris en Beogrado, sekve en *Subotica*, en norda Jugoslavio. Tie, estante direktoro de la regiona muzeo, li studis muzeologion en la universitato en Zagrebo kaj fariĝis magistro de tiu scienco. En *Subotica* li forpasis la 20-an de septembro 1988.

Diversaj vivlokoj en diversaj landoj ebligis, eĉ devigis lin lerni diversajn lingvojn. Dum la studjaroj en Zagrebo li eklernis Esperanton, kiu, malgraŭ tio, ke li estis poligloto (li ellernis dudekon da lingvoj kaj dekon el ili uzis aktive dum la tuta vivo), plenigis signifan parton de lia vivo.

*Tibor Sekelj* dum sia vivo laboris kiel ĵurnalisto, desegnisto, preleganto, filmreĝisoro, publicisto, vendisto, tradukanto, redaktoro. Li estis aŭtoro de gravaj, pioniraj sociprogramoj, fondanto kaj funkciulo de diversaj internaciaj organizaĵoj, sed antaŭ ĉio li estas konata kiel esplorvojaĝanto kaj verkisto. En unu artikolo ne eblas detale prezenti ĉion

ĉi, mi do proponas, ke ni rememoru nur la plej interesajn eventojn el lia vivo, interese priskribita de li mem en la "Skizo por aŭtobiografio" aperigita anstataŭ antaŭparolo en lia libro "Mondo de travivaĵoj". Unue ni rigardu lin kiel mondvojaĝanton.

Lia interesiĝo pri la mondo kreiĝis jam en la infanaĝo helpe de libroj, precipe enciklopedioj, el la ŝranko de lia patro. Li mem pri tio notas en la menciita teksto: «la mapoj kun siaj kapricformaj montoĉenoj, valoj kaj riveroj fascinis min. La vizaĝoj kaj vestaĵoj de la indiĝenaj popoloj plenigis min per scivolemo kaj dezirego ĉiujn ilin viziti iun tagon kaj kun ili ĉiuj fariĝi amiko». La infanan revon li realigadis dum sia tuta vivo. Ni notu ankaŭ, ke jam dum sia infanaĝo li ricevis gravan lecionon. Kiel kvinjarulo, post rompo de la dekstra brako dum ĉevalrajdado, li aŭdis la frazon: povus okazi eĉ pli malbone! «Ekde tiam mi akiris optimismon, kiu ĝis hodiaŭ ne forlasis min.(...) Kiam iu malagrablaĵo okazis, tiu ĉi optimisma frazo estis preta sur mia lango, por redoni al mi bonhumoron».

La seriozaj vojaĝoj de *Tibor Sekelj* komenciĝis en la jaro 1942, kiam kiel 32-jarulo li partoprenis en la internacia ekspedicio de la fama montgrimpanto *Georg Link*, celanta grimpadon al la plej alta pinto de Ameriko, la monto Akonkagvo. Unu jaron poste, aliĝinte al la montekspedicio de la argentina armeo, li revenis tien por trovi kadavrojn de kvar geamikoj, pereintaj pro furioza neĝoŝtormo dum la unua ekspedicio. Tiam la argentina registaro distingis lin per la ordeno "ora kondoro". La tragedio en Andoj inspiris lian unuan ampleksan libron "Tempesto super Akonkagvo". La granda sukceso de tiu libro ebligis al li entrepreni esplorvojaĝon en Brazilo, kronitan per la libro "Tra la lando de Indianoj", kelkajn ekspediciojn en aliaj landoj de Mez- kaj Sudameriko kaj poste en multaj aliaj landoj sur kvin kontinentoj. Ĉie li strebis rigardi interesaĵojn, sed antaŭ ĉio li strebis ekkoni homojn, konatiĝi kun nekonataj regionoj, popoloj, iliaj vivcirkonstancoj kaj moroj. Li esploris, ĉu la brazila tribo *Tupari* praktikas kanibalismon, provis ascendi la vulkanon *Izalko* en Salvadoro kaj apenaŭ saviĝis dum ĝia neatendita erupto. Li strebis trapenetri fluejon de subtera rivero. En Honduraso, en arbaroj de Moskitio, li sukcesis malkovri antikvan ruinurbon ĝis tiam konatan nur laŭ legendo. En Hindujo *Tibor Sekelj* konversaciis kun la ĉefministro *Nehru* kaj lia filino *Indira Gandhi* kaj instruis Esperanton al disĉiplo de *Gandhi*, filozofo kaj konata sanktulo *Vinoba Bhave*.

Ne eblas priskribi ĉiujn liajn vojaĝojn kaj interesajn kontaktojn. Eble meritas mencii ankoraŭ, ke li fondis en Nepalo la unuan popoluniversitaton, vizitis Ĉinion kiel interpretisto de *Ljubomir Vukotić*, tiutempe prezidanto de la Mondfederacio de surduloj kaj organizis tutjaran, internacian ekspedicion - Karavanon de amikeco tra Afriko. Li vizitis ankaŭ dekojn da landoj en Eŭropo kaj Aŭstralio. La plej gravaj vojaĝoj generis ege interesajn librojn.



Vikimedio, *CC-BY-SA 3.0*, 1950.

***Tibor Sekelj*** **je la supro de la monto** ***Kosciuszko*****, 2745 metrojn alta, sur aŭstralia insulo.**

Demandita pri la rezultoj de tiuj multaj, ofte malfacilaj, nekomfortaj, kelkfoje eĉ danĝeraj vojaĝoj, *Tibor Sekelj* respondis: «Materie elmontreblajn rezultojn malmultajn. Dekduo da libroj kaj centoj da artikoloj diskonigis malproksimajn landojn, homojn, nealireblajn al plimulto. Al kelkaj muzeoj mi kontribuis per etnografiaj materialoj kaj ankaŭ en mia posedo troviĝas kolekto da objektoj (ĉefe maskoj, muzikinstrumentoj kaj ĉapeloj), kiuj iam apartenos al iu muzeo».

Mi ĝojas, ke pri la sorto de tiu ĉi kolekto mi mem povas iom rakonti, ĉar mi havis la okazon kunlabori organizante du ekspoziciojn de tiuj objektoj.

La etnografia kolekto – pli ol 700 objektoj el 58 landoj, miloj da fotografaĵoj, centoj da lumbildoj, filmoj, sonbendoj, oficiale donacitaj de *Tibor Sekelj*



Vikimedio, *CC-BY.SA 3.0*, 1952.
***Tibor Sekelj* verkanta.**

al la urbo *Subotica*, post la morto de la kolektanto estis zorgeme gardata de *Elizabeta Sekelj*, la vidvino de *Tibor*. En la jaro 1994, iniciate de esperantisto el Moskvo – D-ro *Lev Medvedev*, aŭtoro kaj organizanto de la sciencista Forumo "Etnoj kaj naturo", du urboj, kunligitaj kun la vivo *de Tibor Sekelj*: la slovaka urbo *Poprad*, en kies parto *Spišská Subota* li naskiĝis, kaj la urbo *Subotica* en Serbio, kie li pasigis siajn lastajn vivjarojn, kaj kies honora civitano li estas, entreprenis oficialan kunlaboron je la kultura kaj industria kampoj. La unua konkreta rezulto de la kunlaboro estis ekspoziciata en la jaro 1995, sinsekve en ambaŭ urboj, ekspozicio "Simileco kaj diverseco", prezentanta preskaŭ la tutan etnografian kolekton de la mondvojaĝanto kaj helpe de fotoj, dokumentoj kaj libroj lian eventoriĉan vivon, lian ideon ĉien porti amikecon, krei amikajn interhomajn rilatojn. La ekspozicio laŭplane estis kreata kiel migranta ekspozicio, transportebla al diversaj lokoj okaze de diversaj, ne nur esperantistaj aranĝoj. Laŭ mia scio, pro diversaj politikaj kaj organizaj kialoj, tiu plano ne sukcesis, kaj post ekspozicioj en tri slovakaj muzeoj la tuta kolekto revenis al *Subotica* kaj poste estis transdonita al la urba muzeo en *Senta* en Serbio.

Grava kaj interesa estis la verkista laboro de *Tibor Sekelj*. Li verkis multegon da artikoloj, rakontoj, noveloj kaj poemoj. Libroforme estis eldonitaj 26 titoloj de liaj verkoj, kaj ili aperis en diversaj lingvoj. La plej popularaj estas: "Tempesto super Akonkagvo"; "Tra la lando de Indianoj"; "Nepalo malfermas la pordon"; "*Ĝambo Rafiki*"; "Mondo de travivaĵoj", ĉiuj inspiritaj de liaj vojaĝoj en diversaj landoj. La Esperantlingve verkita "*Кумеўаўа* – la filo de la ĝangalo" aperis jam en 30 lingvoj kaj nun oni preparas tri novajn tradukojn. Tradukita al la japana, "*Кумеўаўа*" aperis en 300 000 ekzempleroj! La karakteron kaj la valoron de tiuj verkoj trafe spegulas vortoj de la aŭtoro mem: «nepalpebla rezulto estas la mesaĝo de viventuziasmo tra bono kaj malbono, mesaĝo de krea optimismo: mesaĝo de tuthoma simpatio transcendanta ankaŭ al bestoj kaj aĵoj, kiun enhavas miaj rakontoj ne laŭ planita intenco, sed ĉar mi tiel vidis ilin kaj tiaj ili serĉis sian eliron el mia vidangulo».

Apartan atenton meritas la libro "Elpafu la sagon" - kolekto de poeziaĵoj de popoloj sen skribo. La versoj estis notitaj de *Tibor Sekelj* dum lia restado en multaj foraj lokoj de ĉiuj kontinentoj. Kunvivante kun diverskulturaj popoloj, partoprenante en ilia ĉiutaga vivo kaj persiste lernante la lingvojn de siaj gastigantoj, li senpere povis ekscii multe pri ilia spirita kaj materia mondo, li havis eblon por kompreni nuancojn de iliaj lingvaj esprimoj kaj povis noti buŝajn, neskribitajn poeziajn eldirojn. Al la publikigata kolekto *Sekelj* aldonis ankaŭ poeziaĵojn kiuj estis simile notitaj de aliaj kolektantoj kaj antaŭe nepublikigitaj.

Ĉe la elekto de la materialo por publikigo kaj ĉe ĝia grupigo en la libro decida estis la klopodo prezenti «kiom da simileco ekzistas inter homoj de malsamaj meridianoj, tiuj el la praarbaro kaj tiuj el la dezerto, loĝantoj de montaraj regionoj kaj tiuj kiuj vivas apud maro aŭ sur eterna glacio». La poeziaĵoj por la kolekto estis tradukitaj de *Tibor Sekelj* al Esperanto el 24 lingvoj, kaj tiamaniere li signife pliriĉiĝis la Esperantan literaturon. Indas ankaŭ rimarki, ke kreante tiun ĉi unikan kolekton *Tibor Sekelj* tradukis tekstojn el multaj ekstereŭropaj lingvoj kaj tiamaniere pliriĉigis ankaŭ la Internacian Lingvon mem enkondukante novajn vortojn, prenitajn el neeŭropaj lingvoj. Li do kontribuis ankaŭ al la disvolviĝo de Esperanto akcelante internaciecon da la lingvo.

Ĉe la fino, kiel simbolan resumon de mia rakonto, mi proponas legi tre simplan kaj laŭ mi tre saĝan versaĵon, notitan de *Tibor Sekelj* en la fora, indonezia *Batak*:

*Porkaĵo estas tre bongusta,*
*precipe bakita.*
*Eĉ pli bongusta estas interparolo amika,*
*babilado pri io ajn.*

Ni ne ĉesu babili, ni ne ĉesu interparoli kun aliaj homoj, ni daŭrigu la strebojn de *Tibor Sekelj*. ***TM***

Renée Triolle

# LA ĴUMAOJ, MINORITATA ETNO EN BANGLADEŜO

Inter la multaj minoritataj etnoj, pri kiuj neniu parolas, staras la popolo *Jumma*, kiun ni nomu ĵumaoj, oriente de Bangladeŝo. La komuna nomo *jumma* [ĵuma] venas el la loka vorto *jum* [ĵum], kiu signifas "kultivadon sur bruligita kampo", konata kultivtekniko en granda parto de la mondo.

### DEK UNU ETNOJ, UNU POPOLO

La nomon ĵumaoj oni kolektive donas al pluraj popoloj, kiuj grupiĝas oriente de Bangladeŝo, en la montetoj *Chittagong Hill Tracts* : [Ĉitagong hiltrekts]. La bangladeŝa registaro rekonas 11 el ili: *Bawn* [bon], *Chak* [ŝak] , *Chakma,* [Ŝakma], *Khuni*, [Kuni] *Khuang*, [Kuŭang], *Lusai*, [lusaj], *Marma*, *Mru*, *Pankhu* [Panku], *Tenchungya* [Tenŝugja] kaj *Tripura* (oficiale *Garo*).

Escepte de la ŝakmaoj, kiuj parolas lingvon el la bengala grupo, ili ĉiuj parolas tibeto-birmajn lingvojn. Neniu ĝis nun sukcesis klasifiki la lingvon ŝakan en iun ajn konatan lingvogrupon.
Kial tiuj trankvilaj popoloj, kiuj vivas el agrikulturo, fiŝkaptado kaj tekstado, iĝis ĝena minoritato?

### HISTORIO KAJ GEOGRAFIO

Dum regis en tiu parto de la mondo la Brita Imperio, la regiono havis apartan statuson kun limigita aŭtonomio, tamen aŭtonomio.

En 1947, kiam la Brita Imperio malaperis, estis kreitaj Barato kaj Pakistano (Okcidenta kaj Orienta); tiu lasta estis islama lando ambaŭflanke de Barato (budhisma aŭ hinduisma). La ĵumaoj, budhistoj, animistoj aŭ katolikoj, apartenis al Orienta Pakistano. La 25-an de marto 1971, Orienta Pakistano sendependiĝis de la Okcidenta kaj tiel aperis Bangladeŝo. Nuntempe Bangladeŝo, kun teritorio de 147 570 km$^2$, estas la plej dense loĝata lando de la mondo (1000 loĝantoj/km$^2$), dum ĝi konsistas ĉefe el deltoj (de la riveregoj Gango kaj Bramaputro) kaj troviĝas inter la plej malriĉaj landoj (la 139-a kun po 680 $/jare por ĉiu loĝanto).

Dum la tuta lando estas delto, kie fluo de rivero regule ŝanĝas la terajn surfacojn, la montetoj *Chittagong Hills* altas ĝis 900 metrojn; sekve ili donas sekurecon kontraŭ inundoj kaj regulaj musonoj. Ili donas lokon por konstruo de baraĵo, kiu senkompate inundis la kultivitajn kampojn. Kaj oni facile komprenas, ke la landa registaro diskriminacias kaj atakas la indiĝenajn popolojn por forigi ilin.




**Situo de la ĵumaaj popoloj en Bangladeŝo.**

### KVARDEK JAROJ DA PERFORTOJ KAJ LUKTOJ

Pactraktato estis subskribita inter Bangladeŝo kaj la regiona konsilio la 2-an de decembro 1997, sed ĝi ne estas aplikata. Jam en 1981, la armeo ricevis permeson pafi al la indiĝenoj sen aparta kialo. Kiu provis protesti estis pafita; sekvis masakroj, incendioj, seksaj perfortoj. La ĵumaoj fuĝis al la apuda Barato, ĉefe al la *Tripura* regiono, aŭ estis arestitaj, enkarcerigitaj en koncentrejoj, dum oni akaparis ilian teron. La 13-an de junio 1986, la budhista orfejo *Partatya* [partatja] estis bruligita; el la 300 orfoj, duono estis masakritaj. La franca neregistara organizo *Partage avec les enfants du Tiers-Monde* (Kundivido kun la infanoj de la tria mondo) ne plu rajtis labori tie sed sukcesis adoptigi 72 infanojn en Francio la postan jaron.

Nun ĉiutage okazas ie perforto aŭ incendio, bona okazo por la bengaloj forpuŝi la lokulojn por akapari iliajn kampojn, ĉar la bengala loĝantaro rapide kres-



Vikimedio, 05.12.2011, *M. Tawsif Salam.*

**Turistoj aĉetantaj tradiciaj manlaboroj de la popolo *Bawn* en la urbo *Bandarban*.**

kas pro analfabeteco kaj malriĉeco kaj devas ie trovi novajn kampojn por nutri siajn infanojn.

La ĵumaoj, kiuj trankvile vivis en la naturo, ne plu rekonas la lokojn: kampoj inunditaj de la baraĵo, praarbaro forhakita. Ili mem devas peti permeson por forhaki bambuojn, el kiuj ili tradicie konstruas la supran parton de siaj domoj (la subo estas el pajlargila mortero). Kiam ili estas ĉasitaj de sia domo, ili ne plu povas fuĝi al Barato ; "fera kurteno" estis konstruita: milo da kilometroj el tri vicoj da ferdratoj kun gvatoturoj ĉiujn 3 kilometrojn. En alia lando oni parolus pri muro de la honto!

### MINACATAJ KAJ MALAPERONTAJ?

Plej verŝajne tiuj popoloj kaj iliaj lingvoj apartenas al la grupo de tiuj minoritatoj malaperontaj dum la venontaj 50 jaroj. Kion povas fari 300 000 pacemaj kamparanoj fronte al decidplenaj milionoj da rajtigitaj pafantoj? Eĉ se ni flankenmetas la religion, restas la malriĉeco kaj bezono je pli kaj pli da tereno. Hodiaŭ la nombro de "bengalaj eksteruloj" egalas la nombron de la indiĝenoj. Ni komparu kun 1970, kiam estis 498 000 indiĝenaj homoj kontraŭ 76 000 bengaloj; aŭ 1980, 653 000 indiĝenoj kaj 225 000 bengaloj.

Tiuj ĵumaoj kiuj loĝas alilande, (ekz. la 72 adoptitaj en Francio, kiuj intertempe fondis familion) provas organiziĝi kaj altiri la atenton de la mondo al la sufero kaj diskriminacio de siaj popoloj. La reĝo ŝakma turneas en Francio kaj Bruselo en novembro 2012 por atentigi la Eŭropan Konsilion kaj aliajn decidpovulojn. Estis kreitaj asocioj (ekz. en Francio www.amisdesjummas.fr) por finance subteni la popolojn en la montaro (aĉeto de motorciklo(j) por ebligi al kuracisto viziti malproksimajn vilaĝojn, instalo de akvopumpiloj en diversaj vilaĝoj, monata pago por ke infano vizitu lernejon), helpi al studentoj studi eksterlande. Kaj ĉefe ili pluportas siajn lingvojn kaj kulturojn. Mi havis okazon partopreni vesperon en mia urbo, kie ili prezentis sin, sed ankaŭ proponis agrablan spektaklon kun dancoj kaj muziko. Interese estis, ke 8-jaraj knabinetoj naskiĝintaj en Francio tute elegante kaptis la dancmovojn de siaj praüloj kaj parolas la ŝakman lingvon kun la gepatroj. Tamen 15-jarulino, kiu loĝas kaj lernas en Francio konfesis, ke ŝi bone komprenas sed ne povas flue paroli.

Dume daŭras incendioj kaj perfortoj en *Chittagong Hill Tracts*. Ĝis kiam?

***RT***



El la retejo:www.amisdesjummas.fr.

**ĵumaoj kun francaj helpantoj.**

Nicole Margot

# EL "LA KALUMETO"

Tiu bulteno de la Projekto Indiĝenaj Popoloj (PIP), el Universala Esperanto Asocio, aperis 4 foje tiun jaron.

Simpla reta bulteno, redaktita de *Erik Felker*, ĝi aperas agrable kolorita. Tiu bulteno konigas la kulturon de indiĝenaj popoloj, aperigante poemojn kaj tekstojn priskribantajn iliajn vivon kaj luktojn. Ĝi ankaŭ informas pri gravaj internaciaj eventoj kiel ekzemple la Tutmonda Konferenco Rio+20, la indiĝenoj en UN kaj la Internacia Tago de la Gepatra Lingvo.

En la numero 1 mi ege ŝatis la mesaĝon de la redaktoro. Plenkonsente kun liaj esprimitaj ideoj, mi citas kelkajn paragrafojn:

**Esperanto kaj indiĝenoj**

«Kiam mi unue interesiĝis pri la rilato inter Esperanto kaj indiĝenoj, mi kredis ke Esperanto povus esti utila al indiĝenoj kiam ili bezonus aŭ dezirus kontakti kaj interagi kun alilandaj indiĝenoj. (…)

Post kiam mi komprenis la aktualajn situaciojn de lingvo-perdoj kaj lingvo-revigigoj kiujn multaj indiĝenoj travivas, mi reformis mian konceptaron pri la rilatoj inter Esperanto kaj indiĝenaj lingvoj kaj homoj. Jen mia nuna konceptaro, kiun mi pretas priparoli kun iu ajn interesulo:

- Esperantistoj pli informiĝu pri indiĝenaj kaj etnaj kulturoj, kaj tiel gustumu pli el la lingvoj kaj kulturoj de la mondo. Ili ankaŭ pli bone komprenu la diversajn laboron de lingvo-revivigoj kaj la psikologian valoron de tiuj revivigoj.
- Esperanto iĝu lingvo en kiu riĉe reprezentiĝas materialoj pri kaj el indiĝenaj kulturoj, ekzemple rakontoj, kantoj, priskriboj de ceremonioj kaj de tradicie okupitaj teritorioj, kaj ĝi ofertu al interesuloj kontakt-informojn pri indiĝenaj organizoj.»

El la sama numero mi ankaŭ notas tiun belan tekston trancetosan de indiano el Kanado:

**La Danco de la Vivo**

«Kiel maskoporta dancanto inter la Kŭakŭaka'ŭakŭ-gento [1], mi en nenombreblaj okazoj travivis tiun momenton. Estas momento kiam la tuta mondo alilokiĝas. Mi estas tute sola. Mia universo estas la formo de la masko kiu kovras mian vizaĝon. Mi estas la masko. Mi estas la birdo. Mi estas la besto. Mi estas la fiŝo. Mi estas la spirito. Mi ene vidas mian dancon. Mi primeditas ĉiun korpomovon. Mi transcendas en la estaĵon de la danco. Junaj dancantoj nomas tion "hiperdancado". Subite, la surdiga silento eksplode iĝas kakofanio – birdoj kantas, bestoj muĝas, la filik-folioj sonatas pro vento. Ĉiu estaĵo havas voĉon. Kvarfoje la sonoj kaj silentoj kolizias, tiam la granda danco komenciĝas.

El eseo de *Robert Joseph* en la ekspozici-katalogo *Down from the Shimmering Sky* pri la arto de la indiĝenoj el la sudokcidenta marbordo de Kanado kaj el la nordokcidenta marbordo de Usono.»

El la numero 2 mi notas preskaŭ komplete tiujn interesajn liniojn pri la inuita lingvo:

**Bariloj aŭdeblaj kaj videblaj**

«Malbona novaĵo: Pluraj malsimilecoj disigas la dialektojn de la inuita lingvo de Groenlando (Danio), Kanado, kaj Alasko (Usono). La malsimilaĵoj rilatas ne nur al sonoj kaj vortoformoj, sed ankaŭ al skribaj formoj. Uziĝas la latina alfabeto kaj du silabosistemoj.

Bona novaĵo: Dum pluraj jaroj, plievidentiĝis kaj ankoraŭ evidentas al inuitaj interesuloj ke lingva unueco estas grava kaj pritraktinda temo.

Krom la pluraj teknikaj demandoj pri la kreado de komuna, "artefarita" dialekto kiu havas uzeblan leksikon, sonsistemon, kaj skribmanieron, estas filosofia malakordo kiu povos malebligi la ŝanĝojn, kiujn kelkaj personoj esperas realigi. Kelkaj inuitoj defendas la kutimajn lingvoformojn de diversaj regionoj kaj vilaĝoj, kies enloĝantoj sentas pli-malpli fortan rilaton al la historio kaj al apartigita disvolviĝo de sia loka dialekto kaj tiel plu. Aliflanke, kelkaj inuitoj sentas la bezonon evoluigi komunajn vortojn rilate administradon de sovaĝaj terenoj, bestojn kaj plantojn, sanon, klimato-ŝanĝiĝadon, kaj regon de toksaj forĵetaĵoj. La inuitoj kiuj aspiras al lingva unueco kredas ke tiuj evoluoj ne nur ebligos pli intensan pritraktadon de la koncernaj temoj inter inuitoj de pluraj landoj kaj regionoj, sed ankaŭ ebligos al inuitoj ke ili kohere sin prezentu kiam ili partoprenos eventojn regionajn aŭ internaciajn. Verŝajne, temas pri tiuj, kiuj kredas ke la estonteco de la inuita lingvo kaj kulturo estas en la vilaĝo kaj tiuj, kiuj kredas ke la inuita kulturo kaj vidpunktaro rilatas aŭ povos plene rilati kun la tuta mondo.

El "Gravula konferenco konsideras normigitan inuitan lingvon", *Nunatsiaq Online,* 18.02.2011, kaj "Senmistifiko pri "normigado" de la inuita lingvo", *quituttugaujara* (blog ĉe *Bogspot*) fare de *Jpt/Jay Amakak*.»

En la numero 3, artikolo parolas pri la poetoj de Tongo, laŭ monografio de usona verkisto, *Eric B. Shumway*. Tongo estas polinezia regno, la Tonga Reĝlando, kiu entenas 169 insulojn en la Pacifika Oceano, 65 km oriente de la Fiĝi-insuloj. Oni legas, ke la tonglingva poezio celas "pligrandigi kaj glori"

la reĝan familion kaj la nobelaron, ke tiu laŭda arto estas prezentita kun akompano de muziko kaj danco, ofte sub formo de konkursoj inter la poetoj. La poetoj devas uzi striktajn regulojn en la elekto de la vortoj. Ni notu, ke tiu lingvo, foje nomata -tongana- por ne miksi ĝin kun aliaj samnomaj, apartenas al la plej malnova evolu-tavolo de la polineziaj lingvoj kaj meritas esti pli bone konata.

El la lasta numero, la 4-a, La bulteno raportas pri la parolado de *Ban Ki-moon*: okaze de la Internacia Tago de Indiĝenaj Popoloj:

«La 19-an de aŭgusto estis la Internacia Tago de la Indiĝenaj Popoloj. Ĝi estis proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj en decembro 1994, kaj unuafoje prifestita en 1985.»

«La temo de la ĉi-jara Internacia Tago de Indiĝenaj Popoloj estas "Indiĝenaj amas-komunikiloj, potencigado de indiĝenaj voĉoj".» La indiĝenoj uzas ĉiujn eblajn amaskomunikilojn por rakonti siajn dejarcentajn luktojn, por postuli rimedojn kaj rajtojn cele al pluvivo de siaj kulturoj, «ili proponas aliajn konceptojn de evoluo ol la modeloj kiuj ekskludas la spertojn de indiĝenoj.»

La Ĝenerala Sekretario de UN promesis la plenan subtenon de tiu organizo al la indiĝenaj popoloj kaj alvokis la membroŝtatojn kaj la publikajn amas-komunikilojn doni al ili paroleblecon. La redaktanto de La Kalumeto substrekas la mencion de tiu parolado pri amaskomunikiloj starigataj kaj mastrumataj de indiĝenoj-mem: «Tiuj povas agi laŭ elektoj kaj celoj kiuj estus malpli taŭgaj por ĝeneralaj amaskomunikiloj, ekzemple, la prezentado de lingvo-lekcioj aŭ informoj por politiko aŭ ekonomio tiel, kiel ĝi aŭ ili rilatas kun tre specifa celgrupo.» Ni ne forgesu, ke la indiĝenaj amaskomunikiloj kreas postenojn kaj ekonomiajn eblecojn bezonatajn de indiĝenoj.

Vi povos trovi ĉiujn numerojn de tiu riĉenhava kaj valora bulteno sur la retejo de UEA [2]. Mi nur bedaŭras la tro multajn tajperarojn kaj lingvajn malglataĵojn kaj la artikolojn foje iom haste redaktataj sed tio ne forprenas la la intereson de tiu bulteno, kiu regule aperas de pluraj jaroj. ***NM***

Notoj:

[1] Sur Vikipedio oni trovas artikolon pri la Kvakiutlanoj, ankaŭ nomataj Kwakwala aŭ Kwakwa'kwa'kw, nordamerikaj indianoj, kiuj loĝas en la norda parto de Vankuvero. Mi preferis esperantigi la nomon pere de -ŭ- anstataŭ -w-.

[2] http://www.uea.org/vikio/Numeroj_De_La_Revueto_La_Kalumeto

# KONCIZE EL …

**Galegio - Venko de la galega**. La Supera Justic-Tribunalo de Galegio ĵus nuligis du alineojn de la polemika dekreto enkondukita en 2010 far la galega registaro (dekstrema) kiu malhelpis la instruadon de la galega en la baz- kaj mez-lernejoj. En du jaroj tiu dekreto igis, ke la galega ĉesis esti la instrulingvo en 96% de la urbaj infanvartejoj, en kiu ĝi estis ĝis nun uzata. Jen kion diras la nuligitaj alineoj:

1) La lingvo uzata en vartejoj ne nepre devas esti tiu, kiun deklaras la plimulto de la gepatroj kiel denaskan lingvon de la infanoj. (la nova dekreto enkondukis demandon al la gepatroj pri la instrulingvo; oni nun nuligis tion).

2) Baz- kaj mez-lernejanoj devas uzi skribe kaj parole la lingvon en kiu oni instruas (la dekreto lasis al ili elekti la esprimlingvon, krom en la studobjekto pri fremda lingvo, sed ekzemple permesis ilin respondi hispane eĉ en leciono aŭ ekzameno pri la galega). La Leĝo pri Lingva Normaligo de 1983 deklaras, ke la galega estas la ĉefa lingvo uzata en la neuniversitata instruado. Ĝi dekretas ankaŭ ĝian laŭgradan plivastigon en instruado. La Tribunalo konsideras, ke la dekreto kontraŭas ĝuste tiujn ĉi esencajn elementojn de la leĝo, kiu estas pli supera normo ol simpla registara dekreto.

Dum la lastaj jardekoj la malkresko de galegparolantoj draste akceliĝis kaj la statistikaj studoj de la Socilingvistika Seminario de la Reĝa Galega Akademio (de 2004) aŭguras baldaŭan forpereon de tiu ĉi lingva varianto. *Suso Moinhos*



Vikimedio.

**Galegio estas nordokcidenta regiono de Hispanio, landlima kun Portugalio kaj ĝia lingvo estas varianto de la portugala.**

El la retejo de Kataluna Esperanto-Societo.

**Eŭskio – Aresto kaj ekstradicio de militantino**. *Aurore Martin*, membro de la sendependisma eŭska partio *Batasuna* (unueco), estis arestita komence de novembro en francia Eŭskio kaj tuj transdonita al hispanaj policistoj, kiuj kondukis ŝin al karcero en Madrido. Antaŭ du jaroj, Hispanio sendis eŭropan arestmandaton kontraŭ ŝi pro tio, ke ŝi partoprenis en kunvenoj de la partio *Batasuna*, permesita en Francio sed konsiderata kiel terorisma organizaĵo en Hispanio. Dum la lastaj monatoj *Aurore Martin* ĉesis kaŝi sin: ETA deklaris, ke ĝi ne plu uzos armilojn kaj *Batasuna* forstrekiĝis de la eŭropa listo de terorismaj organizaĵoj; aldone la konataj metodoj de la hispania polico devus malpermesi tian ekstradicion. Oni do ne komprenas la kialojn de tiu liverado, kiu indignigis multajn homojn el tre diversaj partioj en norda Eŭskio. La francia registaro neas, ke ĝi rekte partoprenis en tiu arestado, sed oni bone scias pri la impliko de la ministro pri internaj aferoj, *Manuel Valls* – kiu nelge forpeligis amase romaojn de iliaj tendaroj – kaj de la ministro pri justico *Christiane Taubira*, siatempe… sendependista militantino en franca Gujano. *Alain Favre*

**Serbio - Nova leĝo pri forpeloj necesas.** Tiun aŭtunon peticio estis proponita por subskribo fare de la svisa sekcio de Amnestio Internacia. Ĉi sube ni disponigas la raporton ligitan al tiu peticio. Ĝi estas ekzemplo de la ofta vivsituacio de la romaoj en Eŭropo, kiu plu malboniĝas

«La organizo pri defendo de la homaj rajtoj. Amnestio Internacia, priatentas la ĉiutagajn detruajn konsekvencojn por ĉirkaŭ 1 000 romaoj, kiuj estis perforte forpelitaj el iliaj malcertaj kaj malkomfortaj loĝejoj de la kvartalo *Belvil*, en la nova parto de Beogrado, la 26-an de aprilo 2012.

La aŭtoritatoj respektis neniun esencan garantion antaŭ ol forpeli el iliaj hejmoj la loĝantojn de *Belvil*. Ili ne vere konsultis la ĉirkaŭ 1 000 personojn koncernatajn; ili ne esploris ĉiujn eblajn solvojn por eviti la forpelojn, nek studis la reloĝigajn eblecojn; ili donis neniun informon al la loĝantoj, ĉu pri la kialo de la forpelo, ĉu pri limdato aŭ pri ebleco de eventuala jura apelacio.

La beogradaj aŭtoritatatoj asertas, ke «forpelante la romaojn el *Belvil*, ili intencis plibonigi ilian situacion. Sed multaj el ili troviĝas hodiaŭ en kondiĉoj eĉ pli katastrofaj» deklaris *Aurélie de Lalande*, respondeculino de la kampanjo en la Svisa Sekcio de Amnestio Internacia.

Aliaj romaaj familioj estis reloĝigataj en provizoraj metalaj konteneroj, en izolitaj kvartaloj ĉirkaŭurbe de Beogrado. Por multaj el ili, kiuj perlaboris sian vivon kolektante kaj reciklante rubaĵojn en la centro de Beogrado, trovi laboron nun ne plu eblas. Tial multaj familioj nun dependas de la ŝtato por vivteni sin, manĝi, esti kuracataj kaj aliri aliajn servojn.

«La serbaj aŭtoritatoj kaj Eŭropa Unio devas priatenti, ke subvencioj por reloĝigado ne estu uzataj por ekloĝigi la romaojn en kvartalojn kie ili estus etne segregaciitaj, tio estus kontraŭ la serba leĝaro kaj kontraŭ la internacia juro» rememorigis *Aurélie Lalande*.» Tradukis *NM*

Gazetara komuniko, Laŭzano, 17.2012.

***Pen* Internacia - Manifesto de Ĝirono pri la lingvaj rajtoj**. Antaŭ 15 jaroj, La Universala Deklaracio pri Lingvaj Rajtoj estis konatigita en Barcelono far la Komitato pri Traduko kaj Lingvaj Rajtoj de *Pen* Internacia. Tiu sama komitato aprobis en la kataluna urbo Ĝirono, Manifeston asertantan la dek fundamentajn principojn de tiu Universala Deklaracio:

1. Lingva diverseco estas universala heredaĵo, kiu devas esti valorigata kaj protektata.

2. Respekto de ĉiuj lingvoj kaj de ĉiuj kulturoj estas fundamenta por la konstruo kaj la pluvivigo de dialogo kaj paco en la mondo.

3. Ĉiuj individuoj lernas paroli en la komunumo, kiu donas ali ili vivon, lingvon, kulturon kaj identecon.

4. La diversaj lingvoj kaj diversaj parolmanieroj ne nur estas komunikiloj; ili ankaŭ estas la medio en kiu kreskas la homoj kaj kie estas konstruitaj la kulturoj.

5. Ĉiu lingva komunumo rajtas uzi sian lingvon kiel oficialan lingvon sur sia teritorio.

6. Lerneja instruado devas kontribui al plia prestiĝigo de la lingvo parolata far la lingva komunumo de la teritorio.

7. Indas ke la civitanoj havu ĝeneralan konon pri diversaj lingvoj ĉar tio favorigas empation kaj intelektan malfermon, pliprofundigante ankaŭ la konon de ilia propra lingvo.

8. Tradukado de tekstoj, kaj ĉefe de gravaj verkoj el diversaj kulturoj, reprezentas tre gravan elementon en la necesa procezo por pli bona kompreno kaj pli granda respekto inter la homoj.

9. La gazetaro estas aparte taŭga laŭtigilo por disvolvigi kaj atingi lingvan diversecon kaj por kreskigi ties prestiĝon kun kompetento kaj rigoro.

10. La rajto uzi kaj protekti sian lingvon devas esti rekonata de Unuiĝintaj Nacioj kiel fundamenta homa rajto.

El http://pen-international.org, tradukis *NM*



**- INFORMILO 70**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## Minoritatoj en la Konsilio pri Homaj Rajtoj en UN

Kiel vi scias, mi apartenas al la teamo reprezentanta Universalan Esperanto-Asocion en la Konsilio pri Homaj Rajtoj en Ĝenevo. Tio signifas, ke en tiu teamo ankaŭ **IKEL** ĉeestas kaj tial mi opinias oportune iom raporti pri eventoj interesaj por **IKEL** en tiu informilo. Unua evento, kiu koncernas nin, estas la Forumo pri Minoritatoj, okazanta aŭtune en Ĝenevo ekde 2007. En la numero 84 de ***Etnismo*** mi raportis pri la Forumo de 2009.

Kelkajn monatojn post la Forumo, printempe de la sekva jaro, la Sendependa Eksperto pri Minoritatoj raportas pri la Forumo antaŭ la Konsilio kaj tiam formulas rekomendojn al la membroŝtatoj.

En nia ĝeneva teamo ni havas la ŝancon havi membron kun tre longa sperto pri minoritatoj kaj indiĝenaj popoloj, *Verena Graf*, kiu longe reprezentis asociojn kiel *EBLUL* (Eŭropea Buroo por la Lingvoj malplej disvastigitaj) en UN.

Mi lasas ŝin rakonti pri la lastmarta Raporto koncerne la 4-an sesion de la Forumo:

### Raporto pri la 4-a Forumo pri Minoritatoj

La Sendependa Eksperto pri minoritatoj, Sinjorino *Rita Izsak*, presentis, la 14-an de marto 2012 (A/HR/19/56), al la Konsilio pri Homaj Rajtoj, la raporton de la 4-a sesio de la Forumo okazinta la 29-an kaj 30-an de novembro 2011.

“Garantio pri la rajtoj de la virinoj kaj knabinoj apartenantaj al minoritato” estis la titolo de tiu Forumo kaj je tiu okazo Sinjorino *Rita Izsak* substrekis ke virinoj kaj knabinoj, membroj de minoritatoj, estas duoble viktimoj: unue ĉar ili estas virinoj, due ĉar ili apartenas al minoritatoj. Virinoj estas sendefendaj precipe en situacioj de konflikto kaj postkonflikto. Ŝi komentis siajn vizitojn kiel Sendependa Eksperto en Ruando kaj Bulgario. Poste ĉirkaŭ 20 diversaj membro-ŝtatoj kaj observantoj de la Konsilio ankaŭ kontribuis klarigante la situaciojn de siaj minoritatoj. Hungario petis, ke la lingvo estu temo por venonta Forumo. Vatikano diris, ke la koncepto de minoritato kaj majoritato devus esti nuligita ĉar ĉiuj estas egalaj. Kroatio promesis novan programon por helpi la romaojn. Norvegio diris, ke en estonta programo pri minoritatoj oni ne devus forgesi tiujn, kiuj estas sen religio kaj kredo. Rusio demandis, kiam doni atenton al la lingvaj rajtoj necesaj por certigi aliron al juraj instancoj. Ekzemple: la kazo de rusa minoritato en kelkaj eŭropaj dulingvaj ŝtatoj kiel Latvio. Kartvelio aldonis prihistorian komenton koncerne la deportadon de 1940, kiu kreis kompleksan situacion ĉe la landlimoj inter Rusio kaj Kartvelio.

La Konsilio adoptis Rezolucion por certigi sekvon al la Forumo. Ĉinio provis, tra siaj amendoj al tiu Rezolucio, limigi la aliron de minoritataj membroj sub la preteksto, ke elementoj separatistaj kaj teroristaj povus partopreni la Forumon (en la lasta Forumo efektive partoprenis ujguroj). La amendojn necesis voĉdoni kaj ili ne estis akceptitaj pro la sekva rezulto: 15 jes, 18 ne kaj 12 sindetenoj.

Gravas noti, ke dum la jaro 2012 oni festas la 20-an datrevenon de la Deklaracio pri la rajtoj de la personoj apartenantaj al minoritatoj naciaj, etnaj, religiaj kaj lingvaj, finakceptita en decembro 1992. Do, dum tiu jaro verŝajne okazos multaj eventoj ĉirilate. *Verena Graf*, la 25.03.2012

### 5-a Forumo pri Minoritatoj 27 - 28.2012

Kiel ĵus dirite oni festas tiun jaron la 20-jariĝon de la supre menciita Deklaracio kaj tial la Forumo titoliĝis: “Deklaracio pri la rajtoj de la personoj apartenantaj al naciaj aŭ etnaj, religiaj kaj lingvaj minoritatoj, 20 jarojn poste.” Ĝi celis la aplikon de la Deklaracio kaj la identigon de la bonaj praktikoj kaj eblecoj.

La prezidanto de la Forumo, Sinjorino *Soyata Maiga*, malia advokato, defendanto de la virinaj rajtoj kaj, ekde novembro 2007, speciala raportisto pri la virinaj rajtoj en la Afrika Komisiono de la Homaj kaj Popolaj Rajtoj (CADHP), franclingve esprimiĝis. Inter la multaj intervenoj mi notis kelkajn aparte instruigajn. Sinjoro *Patrick Thornberry*, kiu partoprenis la redaktadon de la Deklaracio, evidentigis la diferencon inter la projekto kaj la fina versio de la Deklaracio: dum ĝia redaktado la membroŝtatoj insistis por ke oni parolu pri la rajto de la personoj apartenantaj al minoritatoj anstataŭ paroli pri la kolektiva rajto de minoritatoj, kiun ili konsideris danĝera. Li ankaŭ rimarkigis, ke la rajtoj donitaj al minoritatoj povas esti konsiderataj de iuj kiel privilegioj. Reprezentanto de la Eŭropa Konsilio substrekis, ke tiu Deklaracio estis modelo por la Kadra Konvencio pri protekto de la Naciaj Minoritatoj (1993), sed ke tiu lasta estas pli kompleta.

Mi ne havas lokon por mencii eĉ parton de la nombraj reprezentantoj de minoritatoj, kiuj intervenis sed frapis min, ke du intervenantoj kritikis Francion pro ĝia opozicio al la Deklaracio. Kaj la plej frapa interveno estis tiu de ujguro, interrompita de la ĉina delegacio, sed aplaŭdita de la aŭskultantoj.

*Nicole Margot*

**Pri la agado de UEA dum la Forumo legu artikolon en la venonta numero de la revuo Esperanto.**

## Piana degli Albanesi

En la lasta numero de ***Etnismo*** ni anoncis partoprenojn de **IKEL**-estraranoj al diversaj aranĝoj nome de **IKEL**. Inter tiuj *Alain Favre* kaj *Nicole Margot* partoprenis al *Grundtvig*-projekto pri "Edukado al Inter-kulturo" dum la 79-a itala Esperanto-Kongreso en *Mazzara del Valo*, Sicilio (aŭgusto 2012).



***Piana degli Albanesi.***

Aparte interesa por **IKEL**-membroj estis la vizito de *Piana degli Albanesi* organizita por la partoprenantoj de la seminario *Grundvitg*. Tiu vilaĝo, kiu situas en la provinco de Palermo, je 24 km de la provinca ĉefurbo, estas ĉirkaŭita de montoj kaj mem altas 720 m. Ĝi estas unu el la pluraj suditalaj vilaĝoj loĝataj de albanoj.



**Nia gvidantino en la muzeo.**

La enmigrado de tiuj kristanaj albanoj komenciĝis jam en la 15-a jarcento kiam, post la falo de Konstantinopolo, la otomanoj invadis ilian teritorion kaj pli malpli devigis al islamigo. *Piana degli Albanesi* aparte bone konservis sian etnan karakteron: la arbreŝa (loka dialekto de la albana) plu estas parolata en familioj kaj en la administracio de la komunumo, la rito grek-ortodoksa katolika, kies eklezio dependas rekte de la Papo, plu estas praktikata en la katedralo *San Demetrio Magalomartire* kaj en la preĝejoj de la vilaĝo kaj de aliaj albanaj vilaĝoj en Italio. *Piana degli Albanesi* estas la ĉefa sidejo de tiu eklezio, itale nomata *l'Eparchia di Piana degli Albanesi*.

Ni alvenis vespere post ekskurso al Palermo kaj tial la vizito daŭris apenaŭ kelkajn horojn. Sed ni foriris kun sufiĉe riĉa dokumentado pri la arbreŝa kulturo, kio ebligos pli longan artikolon koncerne tiun albanan migradon en Italion en la venonta numero de ***Etnismo.***



**La *Grundvitg*-seminarianoj en la stratoj de *Piana degli Albanesi*.**

Ni unue vizitis la muzeon *Nicolas Barbato* akompanataj de municipa konsilanto kaj de loka gvidantino, kiu iom klarigis pri la lokaj historio kaj kulturo.

Poste sekvis prelegoj en la katedralo mem. La prezidanto de la urbo kaj profesoro pri albana kul-

turo en Palermo, Asesoro *Mandalà*, prezentis al ni la arbreŝan kulturon. Li estis sekvata de fakulo pri la religio. Kaj poste ni iris sur la ĉefa placo frandi lokan dolĉaĵon. *NM*



**Sur la ĉefa placo.**



**Nia gvidanto, *Ranieri Clerici*, kun la municipa konsilanto de *Piana degli Albanesi*.**

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** ricevas ***Etnismo***-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

**ESTRARO:**

**PREZIDANTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com; etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO: Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat

**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO: KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en ***Etnismo***!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p.

**Venonta redaktolimdato:**

**28-an de februaro 2013**